REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO
FRANCA ESPERANTISTO

FONDITA en 1908, TRIA SERIO
31a JARO - N° 217. Apr. 1963

U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Téléphone : PRO. 55.03

# GERMANA FRANCA AMIKECO

Certe estas iom strange, ke tie ĉi ni diras nian starpunkton pri aktuala politika temo, kvankam ni estas politike neŭtrala movado. Nu, tio validas nur kun du rezervoj. Rilate al lingvo-demandoj ni sekvas precize definitan direkton, tuŝas do elstaran politikan problemon. Sed ankaŭ niaj streboj por paca interkompreniĝo inter ĉiuj homoj ne estas tute libera de certa politika akcento. Tial ni sincere salutas la klopodojn de la politikistoj de la kontraktintaj ŝtatoj, por ekestigi amikajn najbarajn rilatojn inter Francujo kaj Germanujo. Ni senrezerve diras jes al la spirito, kiu sin manifestas per la teksto de la pakto. Sed tio ne malhelpas, ke ni kritike esprimas nian opinion pri tiu detalo de la interkonsentita programo, pri kiu ni prijuĝas nin kompetentaj : Pri la reciproka lingvo-instruado. Estas antaŭvidite, ankaŭ helpe de la popollernejoj plialtigi la nombron de la lernantoj de la franca resp. de la germana lingvoj, ĉar la kono de la lingvo de la alia parto havas esencan signifon por la kunlaboro. Sed sub tuteŭropa starpunkto tio nur parte estas ĝusta.

Certe ambaŭ registaroj emfazas, ke oni ne intencas ĝeni la eŭropan unuiĝon. Sed laŭ nia konvinko apartaj interkonsentoj pri la lingvo ĝenas ĝin plej multe. Ni eĉ emas, vidi en ili separatigajn tendencojn.

Eu Eŭropo loĝos ne nur france kaj germane parolantaj homoj. Ĉiu ja povu sin komprenigi al ĉiu alia sen iu ajn obstaklo. Por tio oni devas krei la premisojn. Por kio do servu la reciproka favorigo de ambaŭ lingvoj ? Ĝisfunda studado de unu aŭ du fremdaj eŭropaj lingvoj, por kio pro kulturhistoria kialo apartenas ankaŭ enkonduko en la latinan, kompreneble estas nepre necesa en niaj lernejoj, kiuj preparas por la universitato. Sed kion oni vere atendas flanke de la alstrebita enkonduko de la franca (aŭ de iu alia nacia) lingvo en la popollernejoj ? Ŝarlatanece oni agus, se oni deklarus la scion de kvara klasano kono kaj posedo de fremda nacia lingvo. Se jam — kiel tede konate — la rezultoj de la instruado en fremdaj lingvoj en niaj mezlernejoj ne kontentigas, tial oni povas antaŭdiri la mizeran rezulton en la popollernejoj. Trafe oni skribas al ni el Francujo : « Tio valoras nur por bone edukitaj gejunuloj kaj oni forgesas la laboristojn. »

Ni nur apude rimarkigas, ke oni forgesis, interkonsenti pri reciproka egaleco de nombro de la lernantoj.

Ni kredas ĝuste interpreti la faktojn konjektante, ke oni volas retrudi la influon de la angla lingvo sur la kontinento. Nu, en la disputo inter la anglo — kaj frankofiloj ni ne intencas interveni. Ili havu inter si siajn kverelojn. Sed politikistoj, kiuj deklaras sian volon unuigi Eŭropon, devus scii, ke la eŭropaj nacioj kaj iliaj lingvoj estas samrangaj. Ili rajtas postuli samrangan traktadon. Alie oni devus timi, ke baldaŭ malharmonio disvastiĝas. Plenrajte gvidantaj germanaj politikistoj postulas, ke oni faru amikeckontraktojn ankaŭ kun aliaj eŭropaj landoj. Kiamaniere sur tiu vojo oni intencas aranĝi sin sur lingva kampo ? Oni nur pensu pri la amasmigrado de germanaj vizitantoj al Italujo. Kompare al ĝi la nombro de vizitantoj al Francujo estas modesta. Se encerbigante multajn fremdajn lingvojn oni povu solvi la eŭropan lingvoproblemon, ni ne plu havus ĝin, ĉar en Eŭropo fremdaj naciaj lingvoj estas dili-

# FRANCA ESPERANTISTO

## REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO

**OFICIALA ORGANO DE U.E.F. (Unio Esperantista Franca)**

**34, Rue de Chabrol, Paris X^e - C.C.P. 855-35 Paris**

**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**Rédaction :**

**M. Pierre PETIT,** U.E.F., 34, rue de Chabrol, PARIS X^e. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être acceptés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un **double interligne.** Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

Les textes envoyés doivent être aérés, lisibles, correctement présentés et rédigés. S'il s'agit d'informations concernant le Mouvement français, elles doivent être obligatoirement rédigées en Espéranto.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photos.

**La rédaction se réserve le droit de corriger les textes reçus,** qui doivent être aussi brefs et concis que possible.

**I. — Cotisation nationale à l'UNION FRANÇAISE pour L'ESPERANTO (U.F.E.)**

Par ses nouveau statuts, l'U.E.F. est une union de sociétés déclarées et ne doit recevoir en principe de cotisations que de celles-ci. Toutefois, lorsqu'un Centre Culturel ou une Fédération n'existe pas encore dans une région, l'U.E.F. accepte de recevoir les cotisations annuelles de membres isolés sur les bases suivantes :

| | | |
|---|---|---|
| **MEMBRE BIENFAITEUR** ... | **50 NF.** | |
| « **DONATEUR** à.... | **25 NF.** | Ces membres reçoivent |
| « **TITULAIRE** ...... | **12 NF.** | la revue |
| « **DONATEUR** ..... | **25 NF.** | « FRANCA ESPERANTISTO » |
| « **JUNIOR** (**) (18 à 21 ans) .... | **6 NF.** | |
| **MEMBRE ADHÉRENT** ..... | **3 NF.** | Ces membres reçoivent |
| « **ETUDIANT et JEUNE** .......... | **1,50** | un bulletin d'information en français |

Tous les membres reçoivent la carte de l'Association Espérantiste Universelle indiquant leur appartenance à l'U.E.F. et à telle Fédération ou Société, ainsi qu'une vignette annuelle à coller.

**Abonnement seul à la revue « FRANCA ESPERANTISTO » : France : 8 NF. — Etranger : 10 NF.**

**II. — Supplément pour UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (U.E.A.)**

| | |
|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (MJ) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. (*) .... | **10 NF.** |
| « **ABONANTO** (MA) reçoit l'annuaire de l'U.E.A. et « Esperanto » (*) .......... | **20 NF.** |
| « **SUBTENANTO** ........................ | **30 NF.** |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** ................ | **15,50** |

(*) Les cotisations des jeunes jusqu'à 21 ans sont réduites de moitié.
(**) Les jeunes sont priés d'indiquer leur date de naissance.

**gente lernataj jam de multaj generacioj. Sed je la fruktoj de tiu instruado oni povas konstati, kia estas la vera rezulto. Eĉ se iu pro bonŝanco apud sia gepatra lingvo estas lerninta unu aŭ du fremdajn lingvojn, certe je baldaŭa okazo mankas al li la tria, kiun li ne povis lerni pro manko de tempo, forto aŭ ebleco. Nur lingvo, kiu estas por ĉiuj komuna, povas plibonigi tiun staton.**

**Se ni do ne nur laŭdire alstrebas la pacan kunlaboron de ĉiuj eŭropaj popoloj, ni devas akcepti la helpon de ĝenerale kiel komuna rekonita lingvo, kiun ĉiu povas lerni ĝis kontentiga scipovo en sia lernejo — ankaŭ en la popollernejo — en sia propra lando sen plia studado en eksterlando. Tia lingvo estas je nia dispono : La internacia Lingvo.**

**Fine oni tiru la konsekvencojn el la fiasko de la angla-franca dulingvismo en la Eŭropa Konsilantaro. Tiam, la 15-an de septembro 1953, la germana delegacio per sia parolanto, kiu estis sperta lingvo-instruisto, lasis diri : Nenia nacia lingvo, kiun ajn oni elektus, estas taŭga, servi kiel ĝenerala helplingvo. Li parolas pro longa sperto. Oni devas elekti por tio idiomon por ĉiu lerneblan. Tial oni devas esplori, ĉu la internacia Esperanto promesas elvojon el la lingvaj malfacilaĵoj. Bedaŭrinde naciaj interesoj ĝis nun scipovis malhelpi tiun esploron.**

**Tial ni denove postulas, ke helpe de la Internacia Lingvo estas forigataj la reciprokaj lingvaj baroj, per kiuj oni ankoraŭ ĉiam malhelpas, ke personaj rilatoj inter la civitanoj de la eŭropaj nacioj grandskale ekestas. Krome oni konscie apartigas la okcidentan Eŭropon de ĝiaj orientaj najbaroj, kiuj devas vivi sub la influoj de alia lingvo-politiko, kaj aldone en la tuta mondo, precipe ĉe la popoloj de Azio kaj Afriko, oni konfirmas la ideon, ke Eŭropo ne havas tiun unuecon, pri kiu ni eŭropanoj entuziasme sopiras. Sen lingva integriĝo, kiu donas al ĉiu eŭropano la samajn ŝancojn kaj nek favoras nek malfavoras iun ajn popolon, la eŭropa unuiĝo ne havos la ŝancon por daŭra ekzisto.**

**Dr HERRMANN,**
**Prezidanto de G.E.A.**

### DONS

S-ino Larralde : 3 NF ; S-ro Jaegy : 0,95 NF ; F-ino Suchareau : 0,50 NF ; S-ro Philippe : 12 NF ; Anonimulo : 1 NF ; Anonimulo : 0,30 NF.

**Membres Bienfaiteurs :** S-ro Broise, S-ro Pacteau, S-ro Vaujuas.




# PERPIGNAN (Orientaj Pireneoj)

## 1-2 Junio 1963

Ĝi daŭros tri tagojn : de la unua ĝis la tria de junio 1963, dum la Pentekostaj Festoj.

En la Honor-Komitato, ni notas multajn eminentulojn. Inter ili estas :

S-ro Richard, Rektoro de la Akademio de Montpellier ; S-ro Paul Alduy, Deputito Urbestro de Perpignan ; S-ro Arthur Conte, Eks-Ministro, Prezidanto de « U.E.O. » ; S-ro André Tourne, Deputito de la Orentaj Pireneoj ; S-ro Gaillard, Direktoro de la Departementa Poŝtfako, k.t.p....

Jen, resume, la programo de la Kongreso :

**SABATON (1-an de Junio) :**

- 9-a Akcepto en la Urbdomo de Perpignan.
- 10-a Vizito de la urbo kaj de « Castillet » (kasteleto, fortikaĵo).
- 14-a Vizito de la Palaco de la Majorkaj Reĝoj.
- 17-a Kunveno de la « UFE-Komitato ».
- 18-a Kunveno de la « UEA-Komitato ».
- 20-a½ (Straton D-ro Zamenhof, ĉe la ĉefa Poŝtoficejo). Forveturo de aŭtobusoj por la akcepto en Sant-Vicens.
- 21-a En la florĝardenoj de la ceramikejo « Sant-Vicens » : FOLKLORA VESPERO, kun la partoprenado de la « Cobla Perpinya », (sardanaj muzi-



kistoj) kaj de « Esbart Dansaïre del Rossello », (folkloraj regionaj gedancistoj). — Gustumado de « Banyuls-aj vinoj ».

**DIMANĈON (2-an de Junio) :**

- 8-a Katolika Meso.
- 9-a Protestanta Diservo.
- 10-a Ĝenerala kunsido de « U.F.E. », en la Salono « Arago » (Urbdomo).
- 12-a Ĝenerala fotografaĵo de la ge-kongresanoj, sur la « Rambla », Promenejo ĉe « Castillet ».
- 12-a½ Amika Tagmanĝo (15 fr. Fr-n) okazos en Hotelo-Restoracio, « Rallye » Place des Variétés, ĉe la « Rambla » (Promenejo).
- 16-a Daŭrigo de la Kongreslaboroj en la Urbdomo de Perpignan.
- 21-a Arta Vespero en la Salono Arago (Urbdomo), kun la partoprenado de « GALAJ KATALUNAJ TROBADOROJ », de « U.F.O.L.E.A. », kiu ludos teatraĵon de F. Ménil (verkinto de la muzika partituro de « La Espero ») l' « Heritage Klodarec » (Heredaĵo Klodarek).
  Estos ankaŭ partoprenado de la gelernantoj de la Esperanto kursoj en la Departemento.

**LUNDON (3-an de Junio) :**

- 7-a Forveturo de la aŭtobusoj al la mirindaj pejzaĝoj de la fama « COSTA BRAVA » (Hispana Katalunujo). Vizitado de la romepokaj ruinajoj de Ampurias kaj de Kastelo de Perelada.
  Realveno en Perpignan antaŭ la 20-a, por ke la gekongresanoj povu trafi la rapidan vagonaron al Parizo.
  La tagmanĝo okazos en Hispanujo.
  Por la partoprenantoj forveturante el Perpignan (ire kaj reire), la kosto estas : (Veturado kaj tagmanĝo : 25 fr. Fr.-n, kun valida pasporto), kaj 28 fr. Fr-n, sen pasporto. En tiu kazo, nepre havi sur si la nacian identigan karton (por la francoj).

Pri la aliĝo kaj ĉiuj aliaj detaloj, bonvolu turni vin al : « ESPERANTO-Kultura-Centro », 5, quai Vauban, PERPIGNAN (Pyr.-Or.), Francujo.

**GRAVA INFORMO.** — Por la eksterlandaj Gesamideanoj, neniu kotizo estas postulata por la aliĝrajtoj.

# Jara raporto de U.E.F. en 1963

Mi havas la honoron prezenti al vi la jaran raporton pri la aktiveco de niaj membroj.

1°) **Informado.** — Senĉese ni provas interesi la oficialajn mediojn al nia afero kaj ĝenerale ni konstatas, ke ili estas pli kaj pli komprenemaj. Bedaŭrinde la politikaj ŝanĝoj malhelpis niajn klopodojn ; tamen ni ne devas malesperi. Esperanto estas nun bone konata. Oni konstatas, ke ĝi signifas « La Internacia Lingvo » en la gazetoj kaj eĉ en la buŝo de la plej altaj paroladistoj. Ni ŝanĝis niajn statutojn por peto esti rekonitaj kiel « Publika Utileco ». Ni havas oficialajn rilatojn kun ministerio de « Junularo kaj Sportoj » kaj niaj grupoj povas facile ricevi de ĝi subvenciojn.

Nia Prezidanto, S-ro Llech-Walter, prezentis al S-ro Herzog la mirindajn rezultojn de la « Paska Semajno » en Grésillon. La Ministro akceptis doni novan subvencion por 1963.

Nia vic-prezidanto, S-ro Pierre Petit, prezentis al la vic-Ministro pri Junularo kaj Sportoj la raporton pri la forumo de Romo. Konsekvence al tiu prezento, la fakestro pri popoledukado petis U.F.E. prezenti oficialan raporton por ricevi ekde 1964 pli grandan subvencion kiel popoleduka asocio por la tuta lando.

Ĉe kolokvo organizita de la Framasona Asocio pri la programoj de Nacia Edukado — ĉe Unesko — S-ro P. Petit parolis pri la Roma eksperimento, kiu uzis la Esperantan lingvon.

Plie, Sro Petit havis okazon paroli pri la uzo de Esperanto de la Internacia kaj franca Asocioj de Popoluniversitatoj ĉe la kunveno de ĉiuj popoledukaj francaj asocioj en la ĉeesto de la franca vic-ministro Sro Herzog.

2°) **Instruado.** — Nia vic-prezidanto, S-ro Blanc, persisteme agis ĉe la instruistaj estroj — ĉefe la lernejestroj — kaj li ricevis kuraĝigajn helpojn. La elektado de la kandidatoj por la Kultura Semajno en Grésillon donis al lia

propagando tre seriozan bazon kaj ni povas esperi duobligitan sukceson en 1963. Jen rezultatoj por instruado en la seminarioj :

**1961-62** : 66 lernejoj — 96 kursoj — 1512 gelernantoj.

**Instruit (in) aj Seminarioj** : 1961-62 : 11 seminarioj — 16 kursoj — 353 gelernantoj.

Nun jen kursoj organizitaj ekster la lernejoj : 1961-62 : 41 urboj — 48 societoj — 71 kursoj — 510 gelernantoj.

El tiuj kursoj ni elektos 50 gejunulojn, kiuj ĉeestos senpage la kulturan semajnon, kiu okazas en Grésillon inter la 1-a ĝis la 7-a de aprilo 1963.

Por ĝenerala propagando. — Ni sendis al ĉiuj seminariaj direktoroj :

1) la statistikon pri la lernejaj kursoj 1961-62 ;
2) raporton pri la kursoj en la seminarioj, la kultura semajno en Grésillon, la Forumo de Romo.
3) la rezolucion UNESKO en Montevideo ;
4) leteron por peti permeson malfermi Esperanto-kurson se iu kompetenta Esperanto-profesoro anonciĝos.

**Kulturaj semajnoj** (Respondecas S-ro René Llech-Walter). Dum la paskaj ferioj ni invitis 24 estontajn geinstruistojn partopreni al seminario en la Kastelo de Grésillon — sub la patronado de la Ministro de la Nacia Edukado. 16 Oratoroj parolis pri ĝenerala kulturo — geografio — historio — turismo — medicino — ekonomio — poezio — edukado. La manifestacio daŭris dum unu tuta semajno ; okazis ankaŭ ekskursoj al la najbaraj kasteloj. — Je la fino, kvar el la plej kapablaj studentoj estis elektataj por partopreni al la forumo de Romo.

En la departements « Pyrénées-Orientales » 197 gejunuloj vizitas la esperantajn kursojn en 6 ŝtataj lernejoj ; ĉe la Metia Lernejo en Espira-de-l'Agly ; la direktorino decidis ke la esperantaj kursoj estos devigaj ek de oktobro 1962 kaj ke la notoj influos la ĝeneralan klasadon. Ni dankas tiun sukceson al nia Prezidanto S-ro René Llech-Walter.

Ĉe la Popoluniversitatoj S-ro P. Petit faris rimarkindan eksperimenton : la renkonton de Romo al kiu 53 gejunuloj el 18 landoj partoprenis. Dum tuta semajno tiuj gejunuloj travivis tre interesan kulturan programon, kaj tiu renkonto estos modelo por la estonteco. Plie, la utileco kaj ĝenerala valoro de nia lingvo estis mirinde montrita kaj ni povos raporti pri tio en ĉiuj medioj dank'al al la speciala numero de nia gazeto.

**Kontaktoj kun aliaj instancoj.** — Ni provis ampleksigi niajn eksterajn rilatojn kaj ŝatus, ke niaj membroj eniru en kulturajn, sociajn aŭ idealistajn movadojn por montri, ke nia movado ne estas aro de fantaziuloj kaj ke ni meritas respekton kaj helpon.

Kiel kutime, S-ro Rougetet rilatis kun la franca komitato de neregistaraj organizoj en konsultaj rilatoj kun UNESKO. Li jam ricevis subvencion por eldono de broŝuro. S-ro J. Thierry restas konstante la reprezentanto de U.E.A. ĉe UNESKO.

S-ro Gouget estas nia ambasadoro ĉe la kampadista medio kaj li ricevas helpon kaj subvencion de tiu movado.

S-ino Bodard, je la nomo de la Informa Komitato, vizitis kelkajn junuldomojn kaj estus utile, ke multaj samideanoj imitu ŝin. Ankaŭ ŝi klopodas ĉe la organizo de la Foiro de Parizo, kaj multe laboris por la aranĝo de la budo.

Oni povas aldoni, ke ni provis reklami ĉe la 300 junulargastetoj de Francujo sen grava sukceso kaj ke ni havas bonajn rilatojn kun la federalistaj, Rotariaj, kvakera kaj naturistaj movadoj.

**Gazetara Servo.** — Unue ni povas raporti pri reklamo ĉu senpaga, ĉu pagita en gazetoj. Jen tabelo :

| Nomo de la gazeto | Nombro de legantoj | Ricevitaj leteroj | Kosto | Rezultato |
|---|---|---|---|---|
| 1) LE MONDE (tage-serioza) | 206.000 | 1° : 8<br>2° : 6 | 174 F.<br>187 F. | 0<br>0 |
| 2) LE MONDE PHILATELIQUE (monata-filatela) | 30.000 | 1° : 3<br>2° : 5<br>3° : 2 | 69 F.<br>69 F.<br>69 F. | 1 koresp. kurso vendita<br>0 (70 F.)<br>0 |
| 3) LA PRESSE (semajna-neserioza) | 400.000 | 8 | 1 senpaga artikolo | 2 koresp. kursoj vend. 70 F. × 2 = 140 F. |
| 4) PETIT ECHO DE LA MODE (semajna virina modo) | 1.000.000 | 14 | 1 senpaga artikolo | 2 koresp. kursoj vend. 70 F. × 2 = 140 F. |

Sen est specialisto, oni povas tiri konkludon el tiu tabelo.

Kontraŭe, la senpaga apero de artikoloj en provincaj gazetoj donas efikajn rezultojn.

Nia Prezidanto verkas trimonatan propagandartikolon, kiu aperas en multaj francaj gazetoj.

Plie, ni sendis diversajn informojn al proksimume 150 gazetoj kaj ricevis kelkajn informpetojn kaj aliĝojn al perkoresponda kurso. Kelkafoje ni devis reagi kun aliaj, kontraŭ malfortaj, stultaj artikoloj kontraŭ nia lingvo. Plej ofte estas nesciantoj ; do ni provas informi ilin laŭeble.

**Financoj.** — Nia kasisto, J. Rousseau, plendas ĉefe pri la deficito de nia gazeto, kiu nun meritas multe pli da abonantoj. Feliĉe nia libro-servo povas kompensi la perdon. Ni gajnas membrojn ĉiujare kaj kotizoj alvenas kontentige. Ni esperu ke baldaŭ la kursgvidantoj sendos kotizojn por ĉiuj siaj gelernantoj laŭ la tarifo decidita de la lasta kongreso.

Plie, ni havas fidelajn donacantojn kaj subvenciojn por niaj kulturaj aktivecoj. Ni estas dankaj al S-ro Brender, kiu klopodis multe por niaj parizaj subvencioj.

Por 1963, ni organizis konkurson inter la grupoj kaj esperas bonajn rezultatojn. Vi legos aparte la raporton de S-ro J. Rousseau.

**Franca Esperantisto.** — Laŭ la ricevitaj leteroj, S-ro P. Petit povas opinii, ke nun niaj membroj ŝatas nian gazeton, kvankam ni havas nur 5 presitajn numerojn jare kaj 5 ne tre belajn ofset-numerojn pri kiuj zorgas S-ro J.-Rousseau. Estas malfacile plaĉi al ĉiuj gustoj, sed en la debato pri la lingvo mem, ni esperas ke la personoj, kiuj deziras paĝojn en franca lingvo estos kontentaj, ĉar estis decidite fari 4 paĝojn en franca lingvo kvarfoje jare. Ni uzos tiun presaĵon aparte por doni al la lernantoj, kiuj pagas la kotizon de komencanto.

Pri la kunlaborantoj, ni havas helpon de eminentuloj ekz. S-roj Baghy, Malmgren, R. Schwartz, Waringhien, k.t.p.

Pro la amplekso de la materialo, ni estontece havos pli mallongajn recenzojn. Ni havos rubrikon por la junulara fako kaj reservas alian por la France Instituto.

**Kunlaborado kun U.E.A.** — Ni regule rilatas kun D-ro I. Lapenna kaj la Centro de Roterdamo 153 personoj aliĝis al la kongreso de Kopenhago, kiu plaĉis al la partoprenantoj.

La francaj komitatanoj de U.E.A. estas :

A) S-roj LLECH-WALTER, PETIT, kaj GUILLAUME ;
B) D-ro ALBAULT ;
C) F-ino Ch. GARRIGUE kaj S-ro Jean THIERRY.

En la jara konkurso, Francujo havas la duan pozicion ; sed ĝi havas la plej alta cifero da poentoj en la mondo.

**Delegitoj de U.E.A.** — Same kiel ĉiujare ni faris enketon pri la laboro de la delegitoj. Jen la rezultoj : Respondoj al nia enketo : 96 personoj.

| | | |
|---|---|---|
| — Ne ricevis peton | : | 30 |
| — Peto pri turismo | : | 193 |
| — laboro | : | 53 |
| — radio | : | 25 |
| — diversaj | : | 123 |
| Sume | : | 394 |

48 personoj akceptis 321 vizitantojn el eksterlando.

Francujo havas la plej gravan reton de delegitoj en la mondo kun 162 delegitoj, 20 vicdelegitoj, 125 fakdelegitoj kaj 2 junuloj — Sume 309.

Sed tio ne sufiĉas : devus esti multe pli, ĉefe por la gejunuloj kaj fakoj.

**Internacia Kongreso Kopenhago.** .. Niaj ses francaj komitatanoj partoprenis la laborojn de U.E.A. La kunvenoj estis sukcesaj, ĉefe pri la laborplano. Tiuj laboroj daŭris unu plian semajnon en Frostavallen (Svedujo). Vere oni povis konstati, ke nia monda asocio estas bone organizita. Ni ĉiuj devas fari nian eblon por kreskigi nian membraron, tiel ke U.E.A. parolu al la oficialaj instancoj je la nomo de grava kaj krestanta nombro de samideanoj.

**Nacia Kongreso.** — En la kadro de Baugé, nia nacia kongreso brile sukcesis. Multaj personoj devis loĝi ekster la kastelo, ĉu en hotelo, ĉu ĉe privatuloj. Kelkaj dormis en Angers kaj Le Mans.

La laboroj estis fruktodonaj, okazis en la urba teatro, same kiel la distra vespero.

Oni ne trovis taŭgan lokon por la bankedo kaj la balo, kaj oni devis meti munteblan ambregon en la parko de Grésillon.

Ekspozicio estis aranĝita en la granda salono de la urbdomo, kune kun la Franca Asocio de Popoluniversitatoj, kaj oni devis meti munteblan ĉambregon en la parko de

**Membraro.** — Iomete kreskas nia membraro ĉiujare. Jen la ciferoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| U.E.A. | 1959 | : | 2.019 |
| « | 1960 | : | 2.152 |
| « | 1961 | : | 2.119 |
| « | 1962 | : | 2.282 |

Tiu-ĉi kresko povus esti multe pli rapida, se ni havus en ĉiuj grupoj persisteman kasiston, kiu regule memorigus, ke li estas preta doni la novan membrokarton kaj respondkuponojn. Plie, li ne devas ĝeni la membrojn per tro da ciferoj kaj prezenti minimuman sumon, kiu entenas : la grupan, regionan, U.F.E. kaj U.E.A. kotizojn. Ĉu ni bezonas pruvi, ke ni estas internacia asocio kaj pro tio pagi mondan kotizon ? D-ro Lapenna konstante ripetas, ke kiam li parolos je la nomo de 100.000 personoj, li estos multe pli forta kaj povos atingi pli bonajn rezultatojn.

**Nia Centro.** — Ni esperas, ke ĉiuj estas kontentaj pri nia centra oficejo pro la akurataj respondoj de F-ino Paulier. Ni ŝatus, ke vi legu niajn diversajn cirkulerojn kun ruĝa krajono por noti tuj la punktojn, kiuj plej interesas vin, kaj tiamaniere revidi ilin rapide poste. Estas evidente, ke vi ne povas plenumi ĉiujn punktojn de nia laborplano kaj ĉefe atenti tiujn realigeblajn en la kadro de viaj lokaj eblecoj.

Vi certe divenas, ke nia laboro kreskas konstante kaj ke ni estas feliĉaj havi regulajn kunlaborantojn, kiel S-inoj Noyes kaj Robin, kiuj zorgas pri adresaroj, S-ron Poly, kiu senĉese ordigas kaj klopodas. Sabate estas multaj vizitantoj ĉe nia oficejo : S-ro J. Rousseau venas por la kontoj ; S-ro J. Guillaume por la sekretariaj aferoj kaj ili provas solvi problemojn kun S-roj P. Petit, G. Rougetet kaj J. Thierry.

Plie, nia fidela S-ro Belhoste tradukas hejme.

**Propagando.** — Sekve de nia malnova laborplano ni provis reklami diversmaniere.

Ni sendis cirkulerojn al la studentoj de la altaj lernejoj atendejojn. Malmultaj interesiĝis.

Ni sendis cirkulerojn al la studentoj de la altaj lernejoj por instigi ilin lerni nian lingvon dum libertempo sen konataj rezultoj. Kun S-ro Blanc, ni sendis al la direktoroj de seminariaj lernejoj dokumentojn pri nia lingvo. Al ĉiuj esperantistaj instancoj ni donis revuojn por disdoni al la lernantoj.

Ni reklamis pri la Aŭstralia parola filmo, kiu estis prezentita ĉe 14 grupoj de Francujo kaj pri la diapozitivoj de S-ro Lentaigne, kiuj estas bonaj por la propagando.

Regule ni sendis al favoraj gazetoj artikolojn pri nia lingvo.

Ni invitis S-ron Lutognewski al Francujo kaj li faris 11 prelegojn en 9 urboj por 600 ĉeestantoj. Plie, li faris 7 prelegojn en Grésillon. Li parolis ĉe 4 radio-stacioj. Ses anoncoj kaj sep raportoj aperis en gazetoj.

La komitatanoj de U.F.E. faris 39 paroladojn antaŭ 2.030 personoj.

Mardo, la 18-an de decembro, S-ro René Llech-Walter prelegis pri Esperanto antaŭ 80 junulinoj ĉe la ŝtata metia lernejo « La Forge » en Quillan (Aude). Post la prelego, la Direktorino akceptis la malfermon de kursoj. S-inoj Régnier kaj Bijeire gvidos la kursojn.

Sro René Llech-Walter parolis antaŭ 500 personoj pri Esperanto.

**Aktiveco de la grupoj.** — Laŭ informoj ricevitaj de la francaj grupoj ni povas resume montri kelkajn ciferojn :

| | |
|---|---|
| 1) Kluboj kun oficiala, urba kunvenejo ...... | 26 |
| 2) Kluboj kun privata klubejo ............ | 23 |
| 3) Kluboj kun regulaj kunvenoj ........... | 34 |
| 4) Kluboj kun regulaj programoj .......... | 28 |
| 5) Ĉeestantoj de tiuj kunvenoj .......... | 728 |
| 6) Kluboj kun junulfako ................ | 9 |
| 7) Kluboj kun biblioteko ............... | 36 |
| 8) Kluboj kiuj disponigas sonbendan aparaton | 18 |
| 9) Kluboj kiuj deziras inviti eksterlandan paroladiston .................. | 28 |

En la gazeto aperis ... 616 artikoloj pri Esperanto ;
448 informoj ;
331 anoncoj ;
5 pagitaj reklamoj ;

Nur unu estis malfavora.

La kluboj organizis 91 prelegojn kun 4180 ĉeestantoj. Okazis 68 radiodissendoj, ĉefe de S-ro Delaire, kaj 26 ekspozicioj kun 19.095 vizitantoj. Oni gluis 252 afiŝojn kaj disdonis 57.835 flugfoliojn kaj 4.215 propagandilojn.

El la kluboj, nur 20 ricevas subvenciojn de la urboj aŭ registaro, kaj 6 urboj eldonis turisman esperantan flugfolion.

**Eldona Fako.** — Dum la jaro ni eldonis nur unu libron, tiun de J. Rostand : « Tio, kion mi kredas », tradukitan de D-ro Berlot, kaj konigis ĝin ĉiuj naciaj asocioj. Ni ne devas forgesi, ke nia lando havas fortan, eldonan eblecon kun S-roj Delaire, Lienhardt kaj A. Ribot, kiu ankaŭ eldonas diskojn. Fine, L.C.E. kaj S.A.T.

Ni preparas novan libreton « Konsiloj al la grupoj », kiu taŭgas nur por Francujo.

**Franca Instituto.** — Prof. G. Waringhien reorganizas ĝin sekve de mankantaj membroj kaj faris sugestojn por la ekzamenoj. Laŭ raporto de la sekretario, S-ro Tardieu, estis progreso de 10 % kompare kun 1961 en disdono de la diplomoj :

| | | |
|---|---|---|
| Lerneja | : | 249 |
| Supera | : | 40 |
| Kapableco | : | 24 |
| Sume | : | 313 |

Plie, 42 kandidatoj malsukcesis.

**Kulturdomo.** — Jen la konciza raporto de S-ro H. Micard :

Dum la Paska semajno okazis la kultursemajno al kiu 100 personoj partoprenis. Dum Pasko okazis la nacia kongreso. Estis grava sukceso kaj multaj personoj devis loĝi en la vilaĝo.

Dum la somero, ni havis internacian renkonton, kun multaj kursoj por Esperanto kaj por franca lingvo por alilanduloj.

Dum finjaraj festoj, ni organizis restadon, kiu estis tre gaja.

La revuo « Kulturaj Kajeroj » estas daŭre eldonita kaj sukcesas sufiĉe bone kaj ni eldonis novan, modernan perkorespondan kurson.

Kvankam la rezultatoj estas kontentigaj, ni povus pli rapide progresi se nia movado plimulte interesiĝus al nia kultura domo.

**P.T.T. Magazino N° 7** (Filmo en Esperanto). — Dank'al la afableco de S-ro Collomb, Prezidanto de la Esperanta-Fako P.T.T., la Kultura Esperantista Centro en Perpignan prezentis, en la Seminario por Instruistoj, jaŭdon, la 22-an de Marto 1962, la filmon « P.T.T. Magazino 7 » en Esperanto.

Prezidis la kunvenon la Departementa Direktoro de P. et T., S-ro Gaillard. Apud li, estis S-ro Ducanchez, Intendanto de la Seminario kaj Profesoro de deviga kurso de Esperanto dum la unua jaro ĉe Seminario, kaj S-ro Llech-Walter, Prezidanto de U.F.E.

**Koresponda Interŝanĝo.** — F-ino C. Hueter, kiu zorgas pri tiu servo por U.E.A. kaj U.F.E., raportis al ni, ke depost la restarigo pli ol 1100 individuaj personoj rilatis kun ŝi. La demandoj venas el la 5 kontinentoj de 40 landoj. La kvinono estas francoj. Krom tio anoncis korespondpetojn 50 lernejaj, studentaj kaj uzinaj Esperanto-grupoj per listigitaj adresoj koncernante proksimume 1000 gejunulojn.

**Fonduso Ĉambro « Franca » ĉe U.E.A. domo en Rotterdam.** — Ni malfermis fonduson por tiu celo. Oni povas sendi kontribuon al U.F.E. - C.C.P. Paris 855-35.

S-ro Llech-Walter jam pagis gravan sumon por persona ĉambro rekte al la oficejo de Rotterdamo.

**KONKLUDE**

Ni ne pretendas, ke nia organizo estas perfekta kaj ni ŝatas ricevi kritikojn de niaj membroj en la intereso de nia movado. Ni profitas la okazon por danki la multenombrajn gesamideanojn, kiuj pli aŭ malpli aktive kaj modeste laboras por nia afero.

Laŭ niaj planoj 1963 devas esti sukceso jaro kaj mi petegas niajn membrojn plej aktive kaj bone alporti siajn ŝtonojn al nia kreskanta konstruaĵo.

La Ĝenerala Sekretario :
J. GUILLAUME.

## JUS APERIS

— la libro, kies reeldonon ĉiu atendis de multaj jaroj :

LINGVAJ RESPONDOJ, KONSILOJ KAJ OPINIOJ
de D-ro L.L. Zamenhof

en nova prezento de Prof. G. Waringhien, kun reklasifo kaj indekso — prezo 7,50 F., bindita 10,30 F. — Ĝi estas la nepre necesa komentario por plene posedi la « Fundamenton » ;

— la kurso, al kies metodo per diskoj jam de longe multaj sopiris :

TRA LA MONDO de S-ro A. Ribot

en sep kajeroj (prezo 45 F.) kaj ses mikrokanelaj diskoj (prezo 40 F) ; la diskoj estis registritaj de diversnaciaj esperantistoj, la kajeroj estas bele presitaj per du koloroj kun ilustraĵoj de P. Toutut.

Ambaŭ verkoj estas eldonaĵoj de « Editions Françaises d'Esperanto », 11, rue Paul-Vergnes en Marmande (Lot-et-Garonne), — kiu eldonejo pli kaj pli elstariĝas per bonegaj produktaĵoj, inter ili la vortaro « Français-Esperanto » de Roger Léger kaj André Albault.

## Financa Raporto (1961-1962) :

| | ENSPEZOJ | ELSPEZOJ |
|---|---|---|
| **Kotizoj** | 4 370,43 | |
| **Donacoj** | 1 435,96 | |
| **Subvencioj** | 2 540,00 | |
| **Profitoj** | 388,33 | |
| **Repagoj** | 55,80 | |
| **Revuo** | 5 686,55 | 10 111,61 |
| **Libroj** | 18 149,97 | 13 367,20 |
| **Kurso** | 927,00 | 42,50 |
| **Eldonaĵoj** | 483,62 | 1 308,54 |
| **Propagando** | 3 030,26 | 2 995,47 |
| **Kongresoj** | 11 979,79 | 12 730,63 |
| **Karavano** | 11 983,15 | 11 759,61 |
| **Bankkostoj** | 222,58 | 104,30 |
| **Diversaĵoj** | 146,80 | 313,93 |
| **Poŝtmarkoj** | 1 256,53 | 2 290,46 |
| **Internaj Transpagoj** | 50 550,00 | 50 750,00 |
| **Oficejaj elspezoj** | | 3 146,52 |
| **Impostoj** | | 2 606,79 |
| **Materialo** | | 357,92 |
| **Sekretariino** | | 4 800,00 |
| **Veturigoj** | | 362,76 |
| | 113 206,77 | 117 040,04 |
| **EKSTER BUĜETO** | 42 674,63 | 38 055,01 |
| | 155 881,40 | 155 103,05 |
| **Kasmono je 1-10-61** | 12 772,50 | |
| **Kasmono je 30-9-62** | | 13 550,85 |
| | 168 653,90 | 168 653,90 |

## Bilanco :

| | | |
|---|---|---|
| **Kaso** | 277,71 | |
| **Poŝkonto** | 1 318,25 | |
| **Ŝparkaso** | 10 274,66 | |
| **Banko** | 1 680,23 | |
| | 13 550,86 | 13 550,86 |
| **Ricevotaj sumoj** | | 3 266,80 |
| | | 16 817,65 |
| **Pruntita sumo por eldona fako** | | 1 400,00 |
| **Deponoj pagotaj** | | 6 008,77 |
| **Pagotaj sumoj al U.E.A.** | | 6 689,00 |
| **Diversaj** | | 11,25 |
| | | 14 209,02 |
| **Neta enhavo** | | 2 608,63 |
| | La kasisto : J.-A. ROUSSEAU. | 16 817,65 |

## Dua « markola » kongreso en Dovro

Post sukcesa provo pasintjare en Bulonjo-ĉe-maro, Francaj kaj Britaj geesperantistoj kongresos dum Pasko en Dovro. La programo de la amika renkontiĝo enhavas i.a. :

13-4-63 : 17 h. : bonvenigo de la franca karavano ĉe la marstacio.
20 h. : interkonatiĝa vespero.

14-4 : Laborkunsidoj, ekskurso al Folkestone kaj distra vespero.
Partoprenos amatoraj artistoj en Hazebrouck kaj Dunkerque.

15-4 : 10 h. : Publika kunveno kaj disdonado de premioj.
11 h. : Akcepto ĉe la urbodomo kaj sekvantaro.

*Informejoj* : N.H. Smith, 14 B Castle avenue, *Dover* (Kent) kaj J. Doyelle, 9, rue de Dunkerque, *Bourbourg* (Nord).

# PSEŬDONIMOJ DE L.L. ZAMENHOF

**genia kreinto de internacia lingvo Esperanto**

**El multaj fontoj mi kolektis pseŭdonimojn de nia kara Majstro. Li ŝatis pseŭdonimojn.**

**1. — « Z ».**

Ruslingvaj artikoloj en « Moskovskije Vedomosti » (traduko : Moskvaj Sciigoj), subsignitaj per latina litero Z.

Z estas komenca litero de Zamenhof.

E. Privat en « Vivo de Zamenhof » rakontas : « Per lecionoj li gajnetis iom. Sed malfacile juna hebreo trovas okazojn por instrui. Ankaŭ li verketis iom por gazeto la Moskovskije Vedomosti ».

N. V. Nekrasov en artikolo « Zamenhof en Moskvo », publikigita en « La Nova Epoko », n-ro 75, decembro 1929, p. 58-68, detale rakontas pri tio, ke kolektiva letero de decembro 1880 de studentoj-medicinistoj al redakcio de « Moskovkije Vedomosti » estis subskribita per latinlitero Z.

Al tiu artikolo redakcio de « La Nova Epoko » aldonas : « Per tiu ĉi litero estas subsignitaj en « Moskovskije Vedomosti » sufiĉe multaj artikoloj, precipe en la fako « Literaturo kaj arto » kun recenzoj pri la novaperintaj, ĉefe germanlingvaj, eldonajoj ».

**2. — « GAMZEFON ».**

Per tiu ĉi pseŭdonimo Zamenhof subskribis manuskripton pri juda gramatiko.

a) En sia letero de 21-a de februaro 1905 al A. Michaux, Zamenhof skribas : Ĉar la pli granda parto de nia popolo (precipe en Rusujo) ne uzas la lokajn lingvojn, sed parolas per aparta « jargono » hebrea-germana (la tiel nomata « yiddisch »), kiu ĝis nun ankoraŭ posedas nenian gramatikon (1), tial mi antaŭ longatempe dediĉis ĉirkaŭ 2 jarojn al la fundamenta esplorado de tiu jargono, mi esploris ĉiujn ĝiajn leĝojn kaj mi ellaboris ĝian gramatikon (kiu mi tamen neniam publikigis). »

Sur la kovrilo de manuskripto en rusa lingvo Zamenhof surskribis :

« Opit grammatiki novojevrejskago jazika (jargona) napisal L. Gamzefon » (Traduko : Provo pri gramatiko de novhebrea lingvo (jargono) estis verkita de L. Gamzefon). Zamenhof trastrekis « napisal L. Gamzefon » kaj pli alte surskribis « sostavil L. Z. » (traduko : skizis L. Z.).

Sur la kovrilo Zamenhof metis latinan moton de roma poeto Ovidio : « Feci, quod potui, faciant meliora potentes. Ovidius. » (Traduko : mi faris, kion mi povis, faru pli bone povantaj. Ovidio).

En sia « Leksiono de la juda literaturo, gazetaro kaj filologio, dua eldono, I-a volumo, p. 1039. konata gramatikisto kaj leksikografo Z. Rajzn skribas : « 3 jarojn Zamenhof laboris super judlingva gramatiko... Lia judlingva gramatiko restis ne publikita, kaj nur post 30 jaroj li malgrandan parton el ĝi eluzis en kelkaj artikoloj por « Lebn un Visnŝaft » de A. Litvin 1909, I. VII, IX ». El tio sekvas, ke Zamenhof sian manuskripton pri juda gramatiko finis en 1879, estante 20 jara junulo.

Pri juda gramatiko ni trovas ankaŭ informojn en intervjuo de 21-a aŭ de 22-a de aŭgusto 1907 de rabeno Izidoro Harris kun Zamenhof : « Dum la daŭro de 3 jaroj mi okupiĝis pri la juda lingvo, esperante starigi sur la rangon de la kulturaj lingvoj de Eŭropo ka mi ellaboris gramatikon de la tiel nomata « jargono »... Sed kiam mi ĝin finis, mi konvinkiĝis, ke kiu ĉi lingvo ne havas estonte-

b) La 1-an de marto (la 13-an laŭ nova kalendarstilo) 1881 estis murdita rusa caro Aleksandro la Dua. La murdinto estis Grineveckij (laŭ nomo plej verŝajne polo). Famo disvastiĝis, ke inter preparintoj de murdo estis ankaŭ judoj. Policistaro en la tuta Rusujo provokis pogromojn, por venĝi la morton de la caro. La antisemitismo de la rusaj homamasoj estis facile disflamigita ĝis pogromagoj Pogromoj komenciĝis en Ukraino, Suda Rusujo, kie plej jdense loĝis judoj. Loĝejo, butikoj de judoj estis detruataj, iliaj havajoj forrabataj, judoj mortigataj kaj eĉ virinoj perfortigataj.

Polico kaj militistaro ne malhelpis al progromantoj. Unua pogromo dum la Paskofesto de rusa eklezio okazis en Jelisavetgrado, kiu daŭris la 15-17-ajn de aprilo 1881. De tie pogromoj transiris al Kiŝinev 20 apr., Berezovka 25 apr. (en Berezovka estis detruitaj 159 domoj, apartenintaj al judoj, 11 judoj mortigitaj, 27 vunditaj), Ananjev 27 apr., Kijev 26-27 apr. (en Kijev estis la plej granda pogromo en 1881), Ĵmerinka 27 apr., Konotopov 27-29 apr., Smela 3 majo, Odessa 3 majo, Nikolajev 1-4 majo, Oreĥov 4-5 majo, Rommin 3 majo, Borisov 12 majo, Nejin 20-22 julio, Odessa 14-18 nov. Pogromoj furiozis ĝis fino de 1884.



Д-ръ ЭСПЕРАНТО.

МЕЖДУНАРОДНЫЙ

ЯЗЫКЪ.

ПРЕДИСЛОВІЕ

и

ПОЛНЫЙ УЧЕБНИКЪ.

[por Rusoj]

Чтобы языкъ былъ всемірнымъ, не достаточно назвать его таковымъ.

Цѣна 15 копѣекъ.

ВАРШАВА.

Типо-Литографія Х. Кельтера, ул. Новолипье № 11.

1887.

Kontraŭjudaj pogromoj en Varsovio komenciĝis je Kristnasko, la 25-an de decembro 1881, kaj daŭris de mezo de dimanĉo ĝis mezo de mardo, du plenaj tagojn. Unu judo estis ŝtonmortigita, 24 vunditaj, 1 500 loĝejoj kaj butikoj estis detruitaj. Estis granda miraklo, ke M. Zamenhofa loĝejo restis ne detruita. (Estas mirige, ke en Varsovio hebrea tombejo, kiam dum dua mondmilito tuta urbo falis en ruinojn, restis konservita kaj la tombo de D-ro L. Zamenhof kun ĝi. Kvazaŭ ia pli alta po-

(1) La unua gramatiko de la juda lingvo aperis jam en 1750, verkita de germana profesoro, J. W. Chrysander.

tenco estus teninta sian protektan manon super tiu ĉi peco da tero, dum ekstere la mondo kiel infero brulegis). Pro tia evento L. Zamenhof en komenco de 1882 verkis kaj publikigis grandan artikolon pri cionismo sub titolo : « Finfine, kion necesas fari ? » en juda semana gazeto « Rassvet » (traduko : Matena Ĉielruĝo), kiu estis eldonata en St-Peterburgo en rusa lingvo de aŭgusto 1879 ĝis januaro 1883. Tiun ĉi artikolon Zamenhof suskribis per Gamzefon.

En rusa lingvo ne estas litero h, kiu estas anstataŭata per g. Ekzemple, nomon de germana poeto Heine rusoj skribas Gejne.

Gamzefon estas rusortografia anagramo de Zamenhof.

**3. — « Dr. ESPERANTO ».**

« Mejdunarodnij jazik. Predislovije i polnij uĉebnik por rusoj. 1887 ». (Traduko : Internacia lingvo. Antaŭparolo kaj plena lernolibro por rusoj. 1887). Unua Esperanto-libro aperis la 26-an de julio 1887.

Esperanto estas fundita sur familia nomo Zamenhof, kiu havas germanan devenon : Samenhof. (Ĝi signifas « korto de semoj »). Tie ĉi nomo estas prononcata kun mallonga vokalo o, kvazaŭ estus skribita Samenhoff. Komparu : Eichendorff, Orloff, Romanoff, Bredenhoff, Imhoff, Kerkhoff, Wellershoff. La verbo hoff (hoffen) signifas esperi. El esperi Zamenhof faris participon « esperanto » - homo kiu esperas. Tiamaniere vera nomo Zamenhof estas kaŝita en Esperanto.

**4. — « HEMZA ».**

a) Per tiu ĉi pseŭdonimo Zamenhof subskribis poemon « Pinto » (traduko : penso) en aŭgusto 1882. Poemo estas publikigita en libro « Lingvo kaj vivo ». Zamenhof tralaboris tiun ĉi poemon kaj publikigis ĝin sub titolo « Mia penso » en unua Esperanto-Libro, 1887, sur p. 21-22.

b) « Kanto de studentoj ».

Zamenhof tradukis latinan kanton « Gaudeamus igitur, iuvenes dum sumus » (traduko : ĝoju do ni dum ni junaj estas), verkitan en 1781 de C.W. Kindleben, kaj subskribis ĝin per Hemza. Traduko estis presita en la « Dua Libro de l'Lingvo Internacia », publikigita en komenco de 1888, kaj en « La liro de la esperantistoj » sur p. 18 sub titolo : « Kanto de studentoj (Gaudeamus) ».

En letero de 29-a de aprilo 1908 al Marie Hankel Zamenhof donas ŝanĝitan tradukon de « Kanto de studentoj » kaj skribas : « Vi povas publikigi, ke mi donis mian permeson por la ŝanĝoj. »

Estas eble, ke Hemza estas inverso kaj mallongigo de Zamenhof aŭ Zame(n)h(of), au Zameh, fine Hemza.

Estas tre eta eblo, ke Hemza devenas de « He M, Za », t.e. He M(arko) Za(menhof). He en hebrea lingvo signifas jen. Sekvas, jen Marko Zamenhof.

G. Waringhien en « Lingvo kaj vivo » donas jenan solvon : « He M. Za. », t.e. « El M(arko) Za(menhof) » t.e. « Filo de M. Zamenhof ».

**5. — « AMIKO ».**

Per tiu ĉi pseŭdonimo Zamenhof subskribis poemon « Al la Esperantisto » en 16 versoj kun ĝia germana traduko, subskribita per « Ein Freund », aperintan la 1-an de septembre 1889 en unua numero de unua esperanta gazeto « La Esperantisto » sur p. 7. La esperanta teksto estas presita paralele, dekstre de germana teksto.

Zamenhof en siaj leteroj, artikoloj, poemoj multfoje uzis vorton amiko.

En letero de 11-a de majo 1889 al V. Manov Zamenhof skribas : « Estimata amiko ! — Plenumante vian deziron, mi skribas al vi tiun ĉi leteron ruse, por ke vi havu eblecon en okazo de bezono montri ĝin al nekonata de mi persono, ĉe kiu vi esperas trovi subtenon por nia afero ».

En « La Esperantisto » 1890, p. 33, Zamenhof finas sian artikolon «Pri nia Ligo » per vortoj : « Amikoj ! En la intereso de la homaro kaj en la nomo de nia sankta granda celo antaŭen al la laboro ! Ni esperas, ke jam en la venonta numero de nia gazeto ni povos kun ĝojo doni la sciigon pri multaj fonditaj lokaj kluboj. Ni laboru kaj esperu ! »

En poemo « Mia penso » li diras :

« Amikino en la rondo
Kantas kanton pri l'espero. »

En poemo « Al la Esperantisto » Zamenhof parolas kun entuziasmo :

« Amikoj de proksime, malproksime,
Salutas vin, ho nia luma stelo ! »

Tiun ĉi poemon li finas per jenaj vortoj :

« Kaj dolĉa estos nia rekompenco.
Kiam **la celo estos alvenita.** »

En gazeto « La Esperantisto », 1890, p. 32, Zamenhof defendas gramatikan formon en tiu poemo, dirante : « En la versaĵo « Al la Esperantisto » estas ne malregule uzita la esprimo **« la celo estos alvenita » ( = Oni alvenos al la celo). »**

Same Zamenhof diris jam antaŭe en « Aldono al la Dua Libro », publikigita en junio 1888 : « Malgraŭ la disjeteco de l'laboro (se ĝi nur estos ĉie sufiĉe energia) post la plej mallonga tempo ni vidos, ke nia komuna **celo estas alvenita** ».

En 1893 A. Grabowski publikigis kolekton da versaĵoj en lingvo internacia « Esperanto » sub titolo « La liro de la esperantistoj », Nürnberg, W. Tümmel's Buch-und Kunstdruckerei, 8-157 p. En la libro estas 110 poemoj de 24 aŭtoroj. Sur paĝoj 5-24 estas 17 poemoj de D-ro Ludvik Zamenhof ; inter ili unua poemo estas « Al la Esperantisto ». Ĉu A. Grabowski, kiu en 1887 en Esperanto interparolis kun Zamenhof kaj poste interrilatis kun li, povis fari nepardoneblan eraron, subŝovinte al Zamenhof fremdan poemon ?

J. Dietterle en 1929 publikigis verkon « Originala verkaro de L.L. Zamenhof ». Sur paĝoj 586-592 li donas originalajn poemojn de L.L. Zamenhof, inter ili sur p. 591 poemon « Al la Esperantisto ».

Merita Esperantisto M. C. Butler (nask. 25 jan. 1884, esp-to ekde 1905, Lingva Komitatano de 1922) en « Esperanto », n-ro 576, novembre 1953, p. 322, skribas : « En The British Esperantist » (1952, p. 158) oni represis poemon « Al la Esperantisto », aperintan en « La Esperantisto ». Subskribis ĝin « Amiko ». Tre verŝajne — preskaŭ certe — Amiko estis el la diversaj plumnomoj de Zamenhof. Tiu hipotezo estas des pli verŝajna pro la fakto, ke Zamenhof en posta numero (B.E. 1952, p. 203) defendis gramatikan formon en tiu poemo. »

**6. — « ANNA R. ».**

En 1889 laŭ germana traduko Zamenhof tradukis fabelon « Virineto de l'Maro » de Andersen, dana fabelisto.

G. Waringhien en « La Nacia Literatura Revuo », n-ro 25, p. 28, demandas : « Sed kion pri la pseŭdonimo « Anna R.. », per kiu li subskribis sian tradukon de « La virineto de l'maro » en « La Esperantisto » ? « Mi respondas : La enigmo simple solviĝas.

Pseŭdonimo devenas de Andersen aŭ (An(de)r (sen), aŭ An..r..., aŭ Anna r..., fine Anna R.

Zamenhof mem konfesis tiun ĉi pseŭdonimon en gazeto « Lingvo Internacia ». X. 1905. p. 118, kie li diras : « Virineto de l'Maro » estis tradukita ne de s-ro A. G., sed de mi mem (ĝi estis presita en « la Esperantisto » sub la pseŭdonimo « Anna R. »).

**7. — « UNUEL ».**

Artikolo « Esenco kaj estonteco de la ideo de Lingvo Internacia » estas verkita en 1899.

Jen tradukoj :

« Unuel ». An International Language : the problem and its solution. Translation by Alfred E. Wakrill. London 51 + 51 p.

« Unuel ». Essence et avenir de l'idée d'une langue internationale. Traduit par L. de Beaufront et Henri Valienne. Paris. 1907. 51 p.

« Unuel ». Die Lösung des Weltsprachenproblems. In deutscher Ubertragung von Prof. Christaller. Berlin. 125 p.

L.L. Zamenhof. Suŝtina ideje o medjunarodnom jeziku. Tradukis kroaten Dr. Dragan Dimitrijeviĉ. 1960. 62 p.

Unuel estas mallongigo de « Unu el ĉiuj », estas la plej modesta el ĉiuj pseŭdonimoj.

Zamenhof mem konfesis tiun ĉi pseŭdonimon :

**a)** en poŝtkarto de 27-a de novembro 1906 al Pierre Corret ;

**b)** en poŝkarto de 30-a de junio 1907 al Couturat. En tiu ĉi poŝtkarto Zamenhof eldiras sian deziron jene : « Mi preferus, ke la aŭtoro de la Esenco kaj estonteco » restu nekonata publike ; sed se Vi trovos tion ĉi necesa, Vi povos diri al la komitatanoj konfidence, ke la aŭtoro estas mi mem » ;

**c)** la 15-an de aŭgusto 1910 en sia parolado antaŭ sesa universala kongreso de Esperanto en Washington, Usono. Tie li diris : « En la artikolo Esenco kaj estonteco », kiun multaj el vi legis en la « Fundamenta Krestomatio », ni analizis tiun demandon detale » ;

**ĉ)** en sia poŝtkarto de decembro 1910 al s-ro Ivan Krestanov en Stara Zagora. En tiu ĉi postkarto Zamenhof skribas : « Por eldoni bulgaran tradukon de artikolo « Essence et avenir... » mi volonte donas al vi mian permeson. La traduko devas aperi ne sub mia nomo, sed sub mia pseŭdonimo « Unuel ».

Zamenhof konsilas : « Atentan legadon de tiu artikolo ni varmege rekomendas al ĉiu esperantisto, kiu havas iajn dubojn pri la certa estonteco de nia afero aŭ kiu timas iajn venontajn konkurantojn de Esperanto. »

**8. — « HOMO SUM ».**

Broŝuro « Gomo sum. Gillelism. Projekt reŝenija jevrejskago voprosa » (Traduko : Homo sum. Hilelismo. Projekto pri la solvo de la juda demando), publikigita en rusa lingvo en komenco de aprilo 1901.

Homo sum latine signifas : homo mi estas. Per tiuj du latinaj vortoj li volus montri la esencon de sia penso kaj samtempe sekrete aludis sian veran nomon Samenhof au Sam(en)hof, alie Hofsam(en), au Hof-sam, plue Homo sum.

Tiun ĉi pseŭdonimon Zamenhof mem konfesis :

a) en sia letero de 15 (28)-a de majo 1901 al A. Kofman, en kiu li skribas : « Ĝis tiu tempo la nomo de la aŭtoro de hilelismo restos severe kaŝita (almenaŭ publike ; se private multaj eble scios pri la aŭtoro, tio ĉi nenion malhelpos ; tamen kiom ni povas ni devas peni ke mia nomo restu nekonata (precipe por esperantistoj - nehebreoj) » ;

**b)** en sia letero de 21-a de februaro 1905 al A. Michaux : « Unu libron pri la Hilelismo, difinitan speciale por la rusaj hebreoj kaj verkitan en lingvo rusa, mi jam publikigis (sub la tre sekreta pseŭdonimo « Homo sum ») antaŭ 4 jaroj ; sed pri tiu ĉi libro preskaŭ neniu scias, ĉar mi sendis ĝin al neniu gazeto kaj nur cirkuligis ĝin kiel « ballon d'essai » (1) inter negranda nombro da inteligentaj hebreoj. »

**c)** en letero de 24-a de septembro 1905 al E. Javal : « Tiun ĉi ideon mi elvolvis en unu sufiĉe dika broŝuro, kiun mi en la jaro 1901 publikigis en lingvo rusa sub titolo « Hilelismo kiel solvo de la hebrea demando » kaj sub severe kaŝita pseŭdonimo de « Homo sum » ;

**ĉ)** en intervjuo de 21-a aŭ 22-a de aŭgusto 1907 de rabeno Izidoro Haris kun Zamenhof : « En la komenco de la jaro 1901 mi decidis dissendi la frukton de mia 17 jara pensado. Mi aperigis en lingvo rusa unu sufiĉe dikan broŝuron sub la titolo « Hilelismo, projekto por solvo de la hebrea demando » kaj sub pseŭdonimo de « Homo sum ».

*Гомо Сумъ.*

Гиллелизмъ

Проектъ рѣшенія еврейскаго вопроса.

СКЛАДЪ ИЗДАНІЯ
въ С.-Петербургскомъ Книжномъ Складѣ М. Залшупина.
С.-ПЕТЕРБУРГЪ.
1) Екатерининская 4, 2) Пушкинская 1, уголъ Невскаго,
Варшава, Новый-Свѣтъ 24.—Витебскъ, Замковая ул.

**9. — « HOMARANO ».**

Per tiu ĉi pseŭdonimo Zamenhof subskribis artikolon « Pri la homaranismo. Respondo al P-ro Dombrovski. »

Homarano estas ano de homaro, de homa gento.

En letero de 7-a de aprilo 1906 al A. I. Asnes Asnes ni legas : « La kritiko de prof. Dombrovski sendube estas tre mallaŭda ;... tamen mi konsilas al vi akcepti lian kritikon por via jurnalo... En okazo de bezono mi poste (sub ia pseŭdonimo) skribos kontraŭkritikon. »

En letero de 7-a de aprilo 1906 al A. I. Asnes Zamenhof skribas : « La presprovajon de la artikolo de s-ro Dombrovski mi danke ricevis. Nun mi bedaŭrinde estas tro okupita, sed post 10-15 tagoj, kiam mi estos iom pli libera, mi sendos al vi artikolon rebatan, kiun mi petos vin publikigi en unu el la venontaj numeroj de via gazeto. »

(1) Provbalono.

Per letero de 23-a de aprilo 1906 Zamenhof informis A. Michaux : « Kontraŭ la artikolo de P-ro Dombrovski mi skribis (sub kriptonimo) respondon, kiu aperos en n-ro 4 de « Ruslanda Esperantisto ».

Efektive tiu ĉi respondo aperis en n-ro 5, majo 1906.

**10. — « ALEKSANDRO NAUMANN ».**

« Nefermita letero al S-ro de Beaufront » kaj subskribita per D-ro Aleksandro Naumann, sekretario de la Unua Grupo Homarana.

Tiun ĉi leteron verkis Zamenhof kaj kaŝis sin sub Aleksandro Naumann, kiu estis konata rusa esperantisto. Liaj poemoj : Mi amis vin, Printempo venos, La mirinda Liro, Tri palmoj (El Lermontov), La bovo kaj la muŝo (El Ezopo), La kandelo (Fablo) estis presitaj en libro « La liro de la esperantistoj », eldonita en 1893 de A. Grabowski.

Pri tiu ĉi letero la 1-an de aŭgusto 1906 L. de Beaufront france skribis al A. Michaux : « Reveninte ĉi tien ,lunde, la 23-an, mi trovis unu leteron de la sekretario de la homaranismo, alidire Zamenhof (ĉar estas lia stilo, lia maniero, tute li) ».

La letero estis publikigita en « Ruslanda Esperantisto ». N-roj 6-7 (junio-julio) 1906.

**11 — « Dr X ».**

Per tiu ĉi pseŭdonimo Zamenhof subskribis 3 artikolojn « Pri juda gramatiko kaj reformo de la juda lingvo ». (Traduko el la juda lingvo « jidiŝ »). Ĉirkaŭ 2 jarojn (aŭ 3 jarojn laŭ « Lingvo-Libro ») Zamenhof dediĉis al esploro de ĉiuj leĝoj de hebreagermana jargono « jidiŝ » kaj en 1879 li jam havis pretan gramatikon, kiun li neniam publikigis. Nur post 30 jaroj malgrandan parton el ĝi li eluzis en tri artikoloj por la juda gazeto en Vilno (litove Vilnius) « Lebn un Visnŝaft » (Traduko : Vivo kaj Scienco), en jan., julio kaj sept. 1909 En tiuj artikoloj li proponis ŝanĝi judan alfabeton je latina, priparolis skribadon kaj kreadon de judaj vortoj. Ceteraj artikoloj ne aperis pro tio, ke redaktoro A. Litvin volis modifi manuskripton kaj Zamenhof ne konsentis.

En matematiko oni uzas X por signi nekonatan grandon. Tie ĉi Zamenhof kaŝis sin sub « D-ro Nekonato ».

Tiuj 3 artikoloj, tradukitaj de S. Guterman, estas presitaj en « Lingvo-Libro » (« Literatura Mondo », n-ro I, 1937).

**FONTINDIKOJ.**

**Mallongigoj.**


**BH** K. Brüggemann. Historio de Esperanto. 1923. 160 p.
**FK** L L. Zamenhof. Fundamenta Krestomatio de la lingvo Esperanto. 1939, 463 p.
**GL** A. Grobowski. La liro de la esperantistoj. Kolekto da versaĵoj en la lingvo internacia « Esperanto. 1893, 8 + 157 p.
**KD** Katalogo de la biblioteko (1887-1911), de Georg Davidov en Saratov. 1911, 129 p.
**LI** Dr. Esperanto Mejdunarodnij jazik. Predislovije i polnij uĉebnik por rusoj. 1887, 40 p.
**LR** L. L. Zamenhof. Lingvaj respondoj. 1927, 94 p.
**LV** G. Waringhien. Lingvo kaj vivo. 1959, 450 p.
**LZ 1** G. Waringhien. Leteroj de L. L. Zamenhof. 1948. Unua volumo 17 + 369 p.
**LZ 2** G. Waringhien. Leteroj de L. L. Zamenhof. 1948. Dua volumo. 11 + 375 p.
**NR** La Nica Literatura Revuo. 40 p.
**OV** J. Dietterle. Originala verkaro de L. L. Zamenhof. 1929, 605 p.
**PV** E.Grosjean-Maupin. Plena vortaro de Esperanto. 1953, 511 + 62 p.
**VZ 1** E. Privat. Vivo de Zamenhof. Unua eldono. 1920, 207 p.
**VZ 3** E. Privat. Vivo de Zamenhof. Tria eldono. 1946, 133 p.
**ZH** A. Zahrzewski. Historio de Esperanto (1887-1912). 1913, 144 p.
**ZR** E. Wüster. Zamenhof-radikaro. 1927, 84 p.






**1** VZI, 61.
VZ3 39.
« La Nova Epoko ». N-ro 75. 1929, 67, 68.

**2** LZ1, 109.
LZ 2, 245.
« Sennacieca Revuo ». N-ro 87, 1959, 8.
NR. N-ro 16. 1958, 128, 130 ; n-ro 27. 1960, 83 ; n-ro 34. 1961, 121.
Granda sov. enciklopedio. 2-a vol. p. 72.
Hebrea enciklopedio en usa lingvo, 12-a vol.

**3** ZH, 8, 10.
OV, 427, 428.
NR. N-ro 26. 1959, 68.

**4** LV, 30, 31.
ZH, 18.
GL, 18.
LI, 21, 22.
ZR, 10, 74.
Letero de 18-a de dec. 1960 de N.Z. Maimon en San Francisco al A. Holzhaus.
FK, 321, 322, 328, 329.
OV, 563.

**5** ZH, 32
GL, 5.
LI, 21, 22.
OV, 37, 63, 65, 478, 591.
« Esperanto ». N-ro 576. 1953, 322.
FK, 321, 322.
LR, 58, 59.

**6** FK, 35-60.
LV, 210, 235, 259.
OV, 431, **557.**
NR. N-ro 25. 1959, 28.

**7** FK, 268-316.
VZ1, 150, 155.
VZ3, 99, 103.
KD, 53, 57, 59.
« Esperanto ». N-ro 595. 1955, 201.
« Esperanto ». N-ro 671. 1961, 171.
LV, **271.**
OV, 240, 241, 557, 574.
LZ1, **9.**
LZ2, 31.
BH, **86.**
LR, 81, 82.
« Informilo de Internacia Esperanto - Muzeo en Wien. N-ro 40. **1960, 12.**

**8** LZ1, 110, 205.
NR. N-ro 27. 1960, 83; n-ro 29, 1960, 163 ; n-ro 33. 1961, 82, 87 ; n-ro 34. 1961, 123.
OV, 322, 323.

**9** **OV,** 329-336, 552, 555.
LZ1, 260, 261.
PV, 176.

**0** OV, 336-338.
LZ1, 275-278.
GL, 112-125.
NR. N-ro 29. 1960, 169.

**1** LZ1, 109.
LZ2, 245, 246.
NR. N-ro 33. 1961, 85.


**Adolf HOLZHAUS,**
**(Usono).**

# MODESTECO, NIA FORTO

En la numero de marto 1962 de « Franca Esperantista », mi legis sub la titolo « Iom da historio » interesplenon artikolon pri la urbo BAUGÉ, sed tuj surprizis min jena aserto : «... la urba blazono, kiu montras apron... memorigas por Francoj la devenon de la urbnomo : franclingve « bauge » estas... dormejo de aproj ».

Mi pridulis tiun aserton, evidente kopiitan de la agema artikolverkistino el turista aŭ simila broŝureto, unue, ĉar la du nomoj ne estas samaj (vidu la lastan literon) ; due, ĉar sur la urbblazanoj aperas ofte desegnoj, kiuj konkretigas popolajn ludvortojn.

Mi facile trovis la originon de la komuna vorto « bauge », sed malgraŭ mia grava etimologia dokumentaro kaj kvankam mi skribis al klerulo en BAUGÉ mem kaj al la Departementaj Arkivoj en ANGERS (cetere ĉi-lastaj respondis afable kaj utile al mi), mi ne povis solvi la enigmon.

Finfine mi interrilatis kun la revuo « Vie et Langage » kaj oni legas en ties februara numero trafan respondon de eminenta fakulo al mia demando pro la origino de la loknomo BAUGÉ.

Interesuloj bonvolu konsulti tiun numeron. Ili konstatos ke la nomo BAUGÉ neniel aludas pri aproj (aŭtorrajtoj ne permesas al mi diri pli).

Tiu nun solvita enigmo devas memorigi al ĉiuj la prelegon de D-r W.E. Collinson, en la Internacia Somera Universitato dum la 45-a Universala Kongreso de Esperanto en BRUSELO, pri « Toponomio » : « La moderna studo de loknomoj, diris la brila pro fesoro, direktiĝas laŭ sciencaj principoj anstataŭantaj la ofte senbazajn konjekton de diletantoj ».

En tiu fako malfacilega — kiel en aliaj fakoj nacilingvaj — ni esperantistoj devas resti modestaj kaj singardemaj. Ni ne tro fanfaronu pri la sciencoj, kiuj ne estas niaj, precipe nun, kiam nia afero estas serioze konsiderata.

Esperanto povas instigi nin — kaj ofte tio tre feliĉe okazas ! — al fervora interesiĝo pri tiu aŭ alia scienco, aŭ pri aparta arto, sed ni ankaŭ devas klare konscii, ke ĉiu fako havas siajn specialistojn.

Roland JOSSINET.

# LA MUELEJOJ DE LA METILERNANTOJ

Antaŭ dek jaroj, la malnova muelejo de « Piot » ruina, malatingebla meze de dornarbaretaĵoj, estas aĉetata de estro de la Militrezistado de tiu regiono de « Creuse », kiu decidas fari de ĝi lokon por la libertempoj de la metilernantoj de la regiono. Li vokas kelkajn el ili kaj la ses pioniroj eklaboras. Oni tranĉas la dornarbaretojn, oni elrubigas, oni saltigas la rokojn, oni gajnas pecete post pecete grundon sur la ĉiam pli kaj pli absorbantaj kreskaĵoj, oni konstruas vojojn, pontojn por transiri la « Creuse », oni riparas la rubojn, stadio sin desegnas.

La malgranda kolonio de 1952 fariĝis granda internacia centro, kie kuniĝas ĉiujare gejunuloj el multaj landoj. Ĉiu el tiuj landoj deziras lasi videblan ateston de sia ĉe-esto. Tiel oni povas vidi la pavilionon de Hispanujo, tiun de Jugoslavujo, la domon de Esperanto, la pavilionon de Germanujo, de Maroko ktp... Tiuj konstruaĵoj estas realigataj de junaj metilernantoj (aŭ aliuloj) enkadrataj de bonvolemaj profesiuloj, utiligante malnovan materialon, ĉefe malnovajn telefonfostojn. La stilo estas tiu de la ligndomoj de la montoj.

De 10 jaroj, 10.000 gejunuloj el 33 landoj konstruis 10 muelejojn, amuziĝis, ĝuis la valoron de laboro farata en vera amikeco. Kaj, ke vi estu blankulo, flavulo, nigrulo, metilernanto aŭ studento aŭ plenkreskulo, kondiĉe ke vi estu bonvolontulo, iru al la Muelejoj de la Metilernantoj. Vi estos kore akceptata kaj vi ne bedaŭros vian restadon en tiu mirinda medio.

De 10 jaroj, 10.000 gejunuloj el 33 landoj konstruis la muelejojn, amuziĝis, ĝuis la valoron de laboro farata en vera amikeco. Kaj, ke vi estu blankulo, flavulo, nigrulo, metilernanto aŭ studento aŭ plenkreskulo, kondiĉe ke vi estu bonvolontulo, iru al la Muelejoj de la Metilernantoj. Vi estos kore akceptata kaj vi ne bedaŭros vian restadon en tiu mirinda medio.

Oni ne povas paroli pri la Muelejoj de la Metilernantoj ne parolante pri ilia kreanto, S-ro Chareille, Prezidanto de la Ĉambro de Komerco de la departemento « Creuse ». Ĉar, se lia bela ideo de 1952 fariĝis la belega realigo de 1963, estas dank'al lia kuraĝo, lia persistemo, lia amo de la gejunuloj, lia amo de la belaj ideoj. Por kompletigi tiun portreton, ni devas aldoni ke S-ro Chareille, la « Tonton » (Onklĉjo) por ĉiuj ĉeestantoj de la Muelejoj, tuj sentis la neceson de internacia lingvo en lia movado de la Muelejoj de la Metilernantoj, (ĉar nun estas vera movado kun ĵurnalo, grupoj en diversaj urboj ktp...) kaj li ĉion faras por ke la Muelejoj esperantiĝu. Do vi, Esperantistoj, iru al la Muelejoj por helpi la « Tonton » disvastigi la internacian lingvon. Vi trovos la plej bonan grundon por ĵeti la semon, kaj tie, la semo ne perdiĝos.

Laŭ teksto de Didier Beaudenon.

Por informoj skribu *France* al : Moulins des Apprentis, à Bonnat, Creuse. Bonvolu lasi la korespondanton por Esperanto por la alilanduloj.

## Baldaŭ aperos la Neeldonita Verko de D-ro L.L. Zamenhof

La 4-a volumo de la zamenhofa traduko de la « Fabeloj » de H.C. Andersen, kiu, pro militaj kaŭzoj, restis ĝis nun neeldonita, aperis en februaro 1963.

La libro enhavas 24 fabelojn de la fama dana vekisto. Ĝi ampleksas 224 paĝojn kaj estas ilustrita per 50 artaj desegnaĵoj (el kiuj 10 tufpaĝaj kaj 20 duonpaĝaj) speciale faritaj por la Esperanto-eldono de unu el la plej elstaraj polaj nuntempaj artistoj, A. Uniechowski.

La « Fabeloj » de Andersen estas eldonataj de « Heroldo de Esperanto ».

# Franca Kroniko

## Pariza Federacio

La informa komitato, reprezentita de S-ino Bodard kaj S-ro Rougetet, organizis propagandan vesperon ĉe la Domo de la Junuloj kaj Kulturo de Neuilly-sur-Seine, la 15-an de februaro.

S-ro Rougetet faris paroladon kun la helpo de lumbildoj kaj diversaj gejunuloj estis tre interesataj kaj intencas organizi kurson.

## Federacio de la Norda Regiono

*LILLE*

Du Novzelandanoj el Auckland baldaŭ restados plurajn tagojn en la regiono, kie ili intencas prezenti diapozitivojn pri sia tutmonda vojaĝo. Post amika intervjuo, ge-s-roj G. kaj R. Aagaard vizitos i.a. Britujon, Danlandon, Germanujon, Aŭstrujon kaj la Universalan Kongreson en Sofio.

Aliaj eksterlandanoj vizitos la internacian komercan foiron de Lille, kie oficiala E-tago okazos la 28-an de aprilo.

*TOURCOING*

La anoncita ekspozicio okazos de la 12 ĝis la 20-an de oktobro en plej taŭga publik a ejo, t.e. la urbodomo. (Respondeculo : Sro M. Delcourt, 48, rue Sangnier).




*Ekspozicio en Valenciennes*

*ROUBAIX*

Krom ĉiusemajnaj artikoletoj en tri NordFrancaj ĵurnaloj, informoj senditaj de la gazetara servo aperis anglalingve en « Rochdale Observer » kaj pollingve en « Tygodnik Polski ».

*HENIN-LIETARD*

Ĉe la klubo de Tokio, Sro Niŝiumi prelegi kun lumbildoj pri sia stud-vojaĝo en Eŭropo kaj Norda Francujo.

## Rodana Federacio

*Montélimar — Nova Zamenhof-strato*

En sia lasta kunveno, la 25 an de Februaro 63, la urbkonsilantaro de Montélimar, urbo en la suda parto de Francujo, donis al nova strato la nomon de Zamenhof. Estas bela kaj larĝa strato en nova kvartalo, jam en tiu strato staras belaj vilaoj sed an aŭ estas loko por konstrui novajn.

La urbestro-deputito de Montélimar Sro Maurice Pic kaj la tuta konsilantaro estas tre favora al la esperantista movado kaj ĉiujare malavare subtenas la lokan Esperanto-grupon « Rodana Stelo » per 500 F.-subvencio.

AUBENAS. — *Vivara Stelo* festis sian kvinjaran fondiĝon. Komuna tre gaja vesper-manĝo okazis la 15-an de decembro.

S-ro Ageron, urbestro de Vallon-Pont-d'Arc prezidis kaj anoncis sian firman decidon, enkonduki esp-on en la programo de la nova liceo de Vallon, malfermota venontjare. Partoprenis ankaŭ multnombre anoj el najbaraj urboj : Montélimar, Romans, ktp. Kolorbildoj pri la Internacia kampadejo Primoŝten (Jugoslavio) estis prezentitaj kun akompano de muziko sursonbendigita en la kampadejo mem.

*Kursoj :* 3 ĉijare : unu por komencantoj en Aubenas, unu en Vallon, un perfektiga en Aubenas.

*Kampadejo Dro Zamenhof* en Vallon-Pont-d'Arc. Ni eldonis belegan kolorpoŝtkarton, kiu montras la tendejon dumsomere ; dorse teksto trafe propagandas. Por viaj eksterlandaj korespondantoj, por via propra kolekto, mendu al nia grupo tiujn kartojn.

Sendo nur kontraŭ antaŭpago : Prezo (ĉio enkalkulite) : po 1 ĝis 10 : 1 F ; po 10-50 : 0,50 ; po 100 : 0,40 F. Grupoj, kolektu mendojn ĉe viaj anoj kaj skribu al Vivara Stelo, C.C.P. Lyon 4480-41.

---

## Antaŭkongresa feriosemajno 1963 en Vieno

### (28-7 ĝis 1-8-1963)

*Programo :*

28-7 : Akcepto de la partoprenontoj. Interkonatiĝ-vespero.

29-7 : Ekskurso en la montaron de Rax. Kablofervojveturo.

30-7 : Ŝipvojaĝo trans la valo de Danubo. Vizito Dürnstein.

31-7 : Vizito de la Esperanto-Muzeo, Schönbrunn kaj Prater.

1-8 : Gvidado tra la centro de Vieno. Libera posttagbezo.

*Aliĝilojn kaj informojn :* vi ricevos de la *organiza komitato* per la adreso : Austria Esperanto Federacio, *Wien XV, Fünfhausgasse* 16.

*Kotizoj :*

Pli aĝa ol 21 jaroj

| | | |
|---|---|---|
| Anonĉoj ĝis la 30-6 | ............... | 75 n. gld. |
| Anoncoj post la 30-6 | ............... | 90 n. gld. |

Malpli aĝa ol 21 jaroj

| | | |
|---|---|---|
| Anonĉoj ĝis la 30-6 | ............... | 70 n. gld. |
| Anoncoj post la 30-6 | ............... | 85 n. gld. |

---

## LA VERKO MODERNA KAJ OPORTUNA KIUN ONI BEZONIS

### DICTIONNAIRE FRANÇAIS-ESPÉRANTO

**de Roger Léger kaj André Albault**
**Editions Françaises d'Espéranto**
**Marmande (Lot-et-Garonne)**

Finpresita en Agen en februaro 1961. Hele bruna bindajo el kartono. 672 paĝoj kaj 58-paĝa eldono blukolora. Semi-biblia papero. Formato 12 x 16,3 cm. Prezo : 20,50 kaj afrankite : 21, 50.

***

Tian verkon oni devas taksi laŭ la aŭtora intenco. Antaŭparolo avertas la leganton, ke origine la aŭtoroj celis verki vortareton, kiu konsistigu kun la « Lexique Fondamental Espéranto-Français » (1) la leksikonan serion de la lernanto. Tamen la bezonoj de la nuntempa lingvo kaj ankaŭ kelkaj pedagogiaj zorgoj kondukis ilin plivastigi sian unuan celon ĝis la sojlo de la sciencoj kaj teknikoj. Tiel la vortaro ne pretendas esti **kompleta** — kiel la antaŭaj — sed, antaŭ ĉio **oportuna por la** hodiaua uzanto de Esperanto.

**Kaj tia ĝi efektive estas.**

**Ĝis nun** la francoj disponis nur je la fama « Dictionnaire Complet Français-Espéranto » de E. Grosjean-Maupin (1913), kies pluraj proponoj estis pli vort-klarigoj ol veraj traduk-esprimoj ; kaj jam de kelka tempo malgraŭ suplemento de 1936 ĝi fakte ne respondis al la aktualaj bezonoj de la uzanto : la mondo evoluis en 50 jaroj kaj ankaŭ la lingvoj, eĉ aparte la franca ! Tio ĉi estu substrekita por la eternaj grumbluloj kontraŭ neologismoj !

Frukto de kvinjara laboro, ĉi tiu vortaro listigas la ĉefajn vortojn de la nuntempa franca lingvo kaj prezentas ekvivalentojn por ĉiu signifo kaj ties gravaj nuancoj. Pro la jam menciitaj pedagogiaj zorgoj la prepozicioj, konjunkcioj kaj gramatikaj valoroj (verb-transitiveco) estis atente analizitaj, la diversaj vortnuancoj selektitaj kaj klare apartigitaj unuj de la aliaj. La vortaro estas ja **moderna,** kaj tial ĝi ne povis preteratenti la multajn sciencaj kaj teknikajn terminojn de nia « **maŝinigita** » vivo. La fina aldono — kies bluaj paĝoj revokas la rozkolorajn de « Larousse » — entenas tabelojn da sciencaj mezurunuoj kaj afiksoj, da ĥemiaj elementoj, kaj ankaŭ listojn da geografiaj kaj historiaj nomoj, muzikaj terminoj, krioj, bruoj, interjekcioj kaj mallongigoj. Kio certe estos utila eĉ por spertaj esperantistoj.

Rilate la novregistritajn terminojn (kiujn la aŭtoroj signis per asterisko) verŝajne ne mankos kelkaj protestaj voĉoj, por kiuj ĉiu novajo sonas kiel la « francigo de Esperanto » : almenaŭ tiel malprave protestis en letero malnova esperantisto de Rostov. Nu, la plimulto de la t.n. **neologismoj** estis enkondukitaj ĝuste de eŭrop-orientaj esperantistoj kaj ekzistas jam en la lingvo de tre longe, kaj la uzbezono en la moderna vivo trudis ilin pli certe ol la kaprico de aŭtoroj ! Bedaŭrinde ĉi tiu revuo ne plu lasas al la recenzoj sufiĉe da spaco por eniri en kelkajn detalojn ; ni do simple revokos pri la propraj nomoj la ekzemplon mem de D-ro L.L. Zamenhof, pri la teknikaj terminoj la paragrafon 15 de la Fundamento, pri la komunaj vortoj la principojn de klareco kaj oportuneco.

Vere oportuna la libro estas pro la granda nombro da vortoj kompilitaj en pli ol 700 poŝformataj paĝoj. Presite en du kolumnoj sur bela papero semi-biblia facile foliumebla, la francaj vortoj elstaras per dikaj literoj kaj neniel konfuziĝas kun la esperanta teksto ; ĉiu malsama senco staras sur aparta linio. Tiel la paragrafoj estas tre netaj, kaj agrable frapas la okulon per sia klareco ; kio ne povos ne plaĉi al la plej postulema leganto. Jen por vortaro, kiu estas senĉese konsultebla libro, vere modela tipografia arango, pri kiu ni gratulas la eldoniston.

Unuvorte per sia formato ĉi tiu vortaro troviĝos en ĉies poŝo ; per sia legebleco ĝi povos esti prave nomata la « helpilo de la konversacio » ; per sia enhavo ĝi plenumas sian celon esti **moderna** kaj **oportuna.** J. T.

(1) R. Léger, Editions Nova, Mulhouse 1957.

## FORMATION DE « CLUBS D'ESPERANTO » DANS LES ECOLES NORMALES LYCÉES, COLLÈGES ET TOUS ETABLISSEMENTS D'ENSEIGNEMENT

Les Clubs « Esperanto » ont pris naissance à Perpignan dans 5 établissements d'Etat.

Dans d'autres villes l'exemples a été suivi

Après avoir sollicité l'autorisation du Directeur de l'Etablissement on peut, comme les Cinés-Clubs, former un « Club d'Esperanto » destiné à resserrer les liens d'amitié des élèves des cours d'Esperanto donnés dans l'Etablissement, à faire participer pour une modeste part mais une part quand même à la vie Nationale et Internationale par l'adhésion à U.E.F. et à U.E.A. ; à recevoir gratuitement des journaux espérantistes, à offrir aux plus méritants des postes de responsabilité au oureau du club, à donner naissance à des discussions concernant les moyens à mettre en œuvre pour augmenter le nombre de membres du club et partant des élèves, etc...

La cotisation annuelle est fixée par le club ; elle peut être par exemple de 5 NF. par an. Sur ces 5 NF. le trésorier adresse 2 NF. à la Fédération des « Clubs d'Esperanto », 5, Quai Vauban à Perpignan (C.C.P. 956-28 Montpellier), qui adresse le nombre de cartes nécessaires et transmet à U.E.F. et à U.E.A. leur part de cotisation.

Si le Club transmet au moins 20 adhésions, il bénéficiera d'un abonnement de 5 numéros à la « Revue Française d'Esperanto » ; à 40 membres le Club recevra en plus « La Praktiko » ; pour 80 membres, en plus la revue bi-mensuelle « Heroldo de Esperanto ».

Le « Club d'Esperanto » qui aura présenté le plus grand nombre de candidats à l'Atesto pri lernado à la fin de la saison scolaire 1961-1962, recevra le bel ouvrage « Retoriko » du professeur Lapenna, le deuxième club classé recevra « Vivo de Zamenhof » d'Edmond Privat ; les cin premiers clubs classés recevront« Le Docteur Esperanto » des Editions françaises d'Esperanto.

Nous prions les professeurs d'Esperanto dans les Etablissements d'Enseignement de bien vouloir tenter l'expérience de la création du Club « Esperanto » et de le parrainer.

René LLECH-WALTER.

## DUM LA BALDAUA INAUGURO DE STRATO ESPERANTO kaj PLACO ZAMENHOF

Jundiai Esperanta Grupo volas fari grandan esperantan ekspozicion por disvastigi *Esperanton* kaj interesigi nian urbon pri Esperanta Movado.

Samideane, ni vin petas : helpu nin, ĉar ni havas tre malmulte da esperantajoj por meti en nian ekspozicion. Ni petas sendi nin gazetojn revuojn. libretojn, PI, PM, k.c.

Al ĉiuj kiuj nin sendos ion ni tuj kaj afablege respondos.

Ekde num, korege, ni dankas al ĉiuj.

Jundiai Esperanta Grupo, 119, rua Secundino Veiga, Jundiai S.P., Brazilo.

# RECENZOJ

**PRIVILEGIA VOJO AL LINGVOSCIO :**

**Esperanto**, de Vilho Setâla. Ilustrita de Asmo Alho kaj Kylli Koski. Eldonis kunlabore Fondumo Esperanto, Helsinki kaj Universala Esperanto-Asocio, Rotterdam. 10 x 14,5, 128 p. broŝurita. Prezo : petu Instrukciojn en franca lingvo (aŭ en aliaj lingvoj).

Jen dua eldono, en reduktita fotore-produkto de sukcesa lernolibro por memlernantoj. Moderna plurkolora kovrilo, volumo bildabunda kaj taŭge presita, jen la bela rezulto de longjara penado teoria kaj praktika de Prof. Setälä, esploranto de la baza aŭ kerna lingvo de Esperanto.

Ni memoriĝas la principon : ekzistas kvanto da lingvaj elementoj (radikoj afiksoj kaj ligvortoj) kiuj formas la bazon de la lingvo kaj estas konstante uzataj. Ĉirkaŭ ili gravitas ĉiuspecaj terminoj necesaj en la diversaj fakoj de la homa aktivado. Kiam oni jam konas la bazon de la lingvo, oni povas kompreni ion ajn, ĉar la aliaj vortoj prezentiĝas nur maldense en la tekstoj kaj estas facile divenataj, precipe en Esperanto, pro la internacieco de tiuj terminoj.

La libro de Setälä instruas do tiun bazon de la lingvo. Sed ĝi faras pli ol tio : ĝi volas prepari al « divenado » de novaj vortoj, kiujn post la finlernado de tiu volumo, la leganto povos trovi en iu ajn E-libro.

Por tio, en ĉiu leciono, kiu prezentiĝas kiel kontinua teksto ek de la komenco, ĉiu nova radiko aŭ elemento estas klarigata jen per simbolo, jen per desegno, jen per mallongaj difinoj aŭ komparoj. Tio iafoje igas cerbumi ; sed jen valora pedagogia atuto ! Kion vi malfacile eltrovos, tio vi malfacile forgesos !

Envere la libro estas duparta : Ek de la 36-a leciono, la novaj vortoj devas esti komprenataj nur per la kunteksto aŭ per difinoj : restas bildoj, sed ili nur akompanas kaj ornamas la tekston.

Principe, tiu metodo, tute verkita nur en Esperanto, estas farita por memlernantoj de kiu ajn nacio. Sed nu ! La eldonisto devus : unue aldoni foliojn kun nacilingvaj klarigoj (ili laŭdire ekzistas, sed mi povis vidi eĉ ne unu !) kaj due proponi kunvendon de ekz-e la ŝlosiloj de Esperanto aŭ de simila vortoreto, kiu informus la lernantojn pri la prononco de la lingvo kaj pri la signifo de radikoj, kiujn li eble forgesis aŭ ne sukcesis diveni.

Oni povas ĝin uzi en publikaj kursoj, kiel mi mem faras en Tuluzo. Sed tiam mi forte konsilus instigi la lernantojn al antaŭlerno de ĉiu teksto, tiel ke ĉiu mem provu kaj akrigu ian divenkapablon ; finfine, nur la propra peno estas fruktodona, jen pedagogia regulo skribota per oraj literoj ! Krome tiel restos pli da tempo en la leciono por parolekzercoj kaj por gramatikaj kompletigoj. Ĉar mi restas persvadata, ke estas domaĝe, se — en kursoj — oni ne dediĉas iom da tempo por, el la tekstoj, ekstrakti la E-an gramatikon, tiel regulan kaj simetrian !

(Unu lingva kritiko : Kion Setälä nomas « flano » (laŭ rusa fundamenta traduko) devas esti nomata « krespo » aŭ « patkuko », t.e. plata kaj ronda kuko kuirita en pato kaj konsistanta el speciala pasto ; « platkuko » estas tro svaga. « Flano » havas alian signifon (F. flan) laŭ la Fundamento kaj laŭ la Akademiaj Korektoj. Espereble tio korektiĝos en posta eldono).

Mi tre deziras baldaŭan elĉerpiĝon al tiu dua eldono de moderna kaj tre taŭga lernolibro. A. ALBAULT.

—o—o—o—

TERMINARO POR INFAN-LUDOJ, Dua eldono, Esperanto-Press, Kanado 1960. 28 paĝoj, Prezo : 1,50

Estas evidente, ke la fakterminaroj estas necesaj ne nur por fakuloj aŭ specialistoj, aŭ por fanfaroni ĉe la neesperantista publiko pri la taŭgeco de Esperanto por teknikaj celoj, sed ĉefe por la ĉiutaga uzo de la esperanto parolantaj homoj, ĉu infanoj ĉu plenkreskuloj. La blinkenberga aludo pri la kuirarto enhavas ja laŭdon al nia lingvo, kaj tute prave UEA eldonis antaŭ nelonge kuiristan terminaron.

Terminaro pri ludoj estas ankaŭ bonvena, ĉar la ludo estas ja tipe homa aktiveco, ne nur por la infanoj sed ankaŭ por la plenkreskuloj. Oni memoru nur la ampleksegan ludterminaron, kiun enmesis Rabelais en **Gargantua !**

La Eldonejo Esperanto-Press, kiu kun modestaj rimedoj ludas unuarangan rolon sur la tereno de esperantlingva edukado de infanoj, reeldonis la **Terminaron por Infan-ludoj,** kompilitan de Societo de Britaj Esperantista Geinstruistoj kaj aperintan iam en la Jarlibro de I.E.L. Ĉi tiu « infanludoj » inkluzivas ankaŭ ludojn de plenkreskuloj, kartludojn, sportojn. La Terminaro estas do sufiĉe ampleksa. La reguloj de multaj ludoj estas klarigitaj, eĉ kun diagramoj.

Dank'al tiu terminaro, ni povas nomi en Esperanto la ludojn de nia infanaĝo. Ĉu multaj el niaj legantoj sciis ĝis nun, ke **saute-mouton** estas **ransaltado, Colin-maillard, blindludo** kaj **cerf-volant, flugdrako ?**

Kvankam la plejmulto de la sportoj, ludoj kiaj ŝako, domeno k.s., ĉefaj kartludoj kaj eĉ infanludoj estas tutmonde konataj, kaj apartenas jam al la tutmonda popolo, tamen tiu terminaro estas iel limigita al Okcidento (kvankam mankas kelkaj ludoj tre popularaj en Francujo. (ekz. beloto, « ĉevaletoj », « anserludo »), kaj eĉ havas ian britan karakteron. Supozeble, oni konsiderinde pliriĉigus la terminaron per esploro de la ludoj ŝatataj de japanaj aŭ hindaj infanoj.

Michel DUC GONINAZ.

—o—o—o—

NUR TRI KOLOROJN
*de ELI URBANOVA*

*Prezento de J. Baghy — Ilustraĵoj de K. Oberthor Stafeto, Beletraj kaieroj, (n-ro 3) 140 paĝoj. - 22 x 19 cm. Havebla ĉe U.E.F., Parizo. — 5 NF.*

Tiu ĉi libro enhavas diversajn poemojn laŭteme klasifikitajn : Pri mi mem, Tra Praha, Besta Parado, ktp... Per varmaj vortoj Julio Baghy, kiu iam gvidis a unuajn paŝojn de la poetino, skribas en la prezento :

« ...Mi, bardo maljuna, povas nur muti
kaj mire jubili pri pompa floriĝo
de juna talent', parenco en riĉo
de sentoj kaj sentoj ritme muzikaj... »

La opinio de tia kavaliro en poezio estas plej bona rekomendo.

La titolo iom stranga, klarigita per enkonduka poemo, substrekas la simplecon de la aŭtorino ĉu pro la temoj elektitaj, ĉu pro la iloj uzitaj, kvankam oni facile malkovras, ke la paletro uzita estas pli riĉa ol la anoncitaj tri koloroj.

Per okversa poemo la poetino sin prezentas :

« Vizaĝ' de pupo, porcelane pala.
Do ne aparta, male : Tre banala.
Ĝi morta ŝajnus certe, se du astroj
(nigraj pupiloj, unu el kontrastoj)
Ne brilus larĝe de sub okulbrovoj.
Kio alia ? Jen fiaskaj provoj
Dum la serĉad' pri ĉarmo speciala.
Vizaĝ, de pupo, porcelane pala. »

La tuta poemaro fulmas laŭ samaj brilegoj. La legantoj certe trovos grandan ĝojon en la legado de tiuj delikataj poemoj.

# L'ESPERANTO ET LA SCIENCE *(suite)*

## Dictionnaires spéciaux, scientifiques, techniques ou autres EN ESPÉRANTO

par R. HAFERKORN, ingénieur diplômé

**Voici la liste complète des dictionnaires spécialisés déjà parus en esperanto. Elle permet de se rendre compte des techniques qui ont déjà été traitées.**

# INDEX

| | | |
|---|---|---|
| 038 | Dictionnaire Bulgare-Esperanto Adamov, Sarafov kaj Skeonov) 630 p. édition Nanka i Izkustvo. | Bg - Eo |

### (1) PHILOSOPHIE

| | | |
|---|---|---|
| 1 | Dictionnaire philosophique (S. Kamaryt), édit. Les Pionniers Espérantises de Moravie-Olomouc 1934. | Eo - Cs - De |

### (2) RELIGION, THÉOLOGIE

| | | |
|---|---|---|
| 2 | Religions, Ordres et Sectes. Essai de dénomination et de définition en langue internationale (H. Jacob) 14 p. Eo avec définition en Eo Gevève 1928. | Eo |
| 2 | Cursus Completus Esperanti — General dictionary, but with special emphasis on Catholic theological and liturgical terms (J. Bianchini) 176 p. S. Vito 1934. | Eo - La - It |
| 2 | Dictionnaire technique religieux — Reimpression de « L'Espoir Catholoque » (J. Bianchini) Paris. | Eo - La |

### (3) SCIENCES SOCIALES, DROIT, ADMINISTRATION

| | | |
|---|---|---|
| 31 | Sinopse Estatistica do Brasil — Statistiko Rio de Janeiro 1947. | Pr - Eo - En |
| 34 | Juristisches Wörterbuch. (Dr. Liebeck) Berlin 1931. 86 p., 1200 t., 1200 dif. | De - Eo |
| 34 | Dictionnaire concernant la législation (Dr A. Mildwurf) IEL Rickmansworth 1946. | Eo |
| 355/359 623 | Dictionnaire militaire (E. D. Durrant) UEA Rickman-sworth 1940, 27 p. avec illustrations. | ? |
| 362/191 | Esperanto Führer f.d. Rote Kreuz, Hachette et Cie 1908. | De - Eo - Da Sv - Fr |
| 362/191 | Wörterbuch für das Rote Kreuz (F. Uhlmann), Schussenried 1913. | De - Eo |
| 37 : 159.9 | Dictionnaire pédagogique et psychologique (Benneman) Dresde 1934. | Eo - De En - Fr |
| 37 : 159.9 | Dictionnaire technique de pédagogie et psychologie (P. Trarbach) Cologne, Heroldo de Eo 1925. | Eo - Fr De - En |
| 38 | Common Commercial Terms in Trade and Commerce Welwyn 1926. | En - Eo Eo - En |
| 38 | Handelstermen (J. Eiselin), Ald. Malmberg, Antwerpen 1925. | Ne - Eo |
| 38 | Dictionnaire commercial en six langues (R. Kreuz) Messeamt Francfort 1927. | De - Sp - En Eo - Fr - It |
| 38 | Dictionnaire commercial en esperanto (R. Kreuz et A. Mazzolini) Eo avec définitions en Eo et avec des indices (numéros) correspondant aux listes des mots avec leur traduction en langue nationale et figurant à part. Edit. A. Paolet, S. Vito al Tagliamento 1927. | Eo |
| 38 | Liste des denrées et marchandises en Esperanto (R. Kreuz et O. Schutkowski) Francfort Messeamt 1927. | Eo - De - Sp En - Fr - It |

### (4) PHILOLOGIE, LINGUISTIQUE

| | | |
|---|---|---|
| 415 | Lexique étymologique en neuf langues (L. Bastien) 2e édition — The Esperanto Publishing Comp., Rickmansworth 1951. | Eo - La - Fr It - Sp - Pr De - En - Ru |

### (5) SCIENCES ET TECHNIQUES GÉNÉRALES

| | | |
|---|---|---|
| 5-6-7-9 | Dictionnaire scientifique et technique (STT) (R. Haferkorn et L. Dellain, en collaboration avec F.J. Belinfante). Comme projet au canevas provisoire destiné à compléter le « Dictionnaire Complet » de S.A.T. et dont la création a été décidée à la suite d'une longue discussion au sein de la Section de terminoogie de l'Association Scientifique Internationale Esperantiste (A.S. I.E.) édit. par l'Institut Esperantiste du Japon, Tokio 1956 — 248 p. Dictionnaire avec définitions d'après le modèle du Dictionnaire complet. A ce dictionnaire provisoire l'auteur a rédigé en 1961 « STT Korekto » (Rectificatif au STT 12 pages, qu'on peut se procurer au Centre de Terminologie de I.S.A.E. (R. Haferkorn). | Eo - De En - Fr |

### (6) MATHÉMATIQUES, SCIENCES NATURELLES

| | | |
|---|---|---|
| 5 | Dictionnaire fondamental de science en esperanto de A.S. I.E. (Rollet de l'Isle) Paris 1931. | Eo |
| 5 | Table de mots spéciaux, scientifiques et techniques (P. Fructier) Paris 1904 | Eo - De En - Fr |

(à suivre).

# SERVICE DE LIBRAIRIE (Extraits)

Nous pouvons fournir tous les livres indiqués dans l'annuaire U.E.A.

**ETUDE ET ENSEIGNEMENT**

| | |
|---|---|
| L'Espéranto, cet inconnu (Ribot) | 1,25 |
| Valeur pédagogique de l'Espéranto | 0,60 |
| Programme des examens | 0,50 |
| ABC à l'usage de ceux qui aiment les lettres (Waringhien) | 1,50 |
| Espéranto-Manuel (Chavet-Warnier) avec corrigés | 5,00 |
| Manuel d'Etude (Couteaux) | 4,50 |
| Manuel d'Initiation (Thaillet) | 1,50 |
| Ni parolu en Esperanto (Ribot) avec corrigés | 4,80 |
| L'Espéranto en douze leçons (Pierre Delaire) | 13,00 |
| Ludoviko en Nederlando (P. Delaire) | 11,00 |
| Espéranto fil d'Ariane (P. Delaire) | 12,50 |
| Plena Gramatiko (vol. I) | 12,00 |
| Privilegia Vojo al Lingvoscio (Setälä) | 4,00 |
| Dialekto, dialektiko (Dalmaù) | 3,50 |
| Lingvo kaj Vivo (Waringhien), bindita | 20,00 |
| Manuel de Perfectionnement (Couteaux) | 3,00 |
| Lingvaj Respondoj (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanta Proverbaro (Zamenhof) | 7,50 |
| Esperanto, facila por vi (Walter) | 5,40 |

**DICTIONNAIRES, LEXIQUES ET VOCABULAIRES**

| | |
|---|---|
| Dictionnaire Français-Espéranto (Léger & Albault) | 20,50 |
| Grand Dictionnaire Espéranto-Francais (Waringhien) | 30,00 |
| Lexique Espéranto-Français (Léger) | 5,40 |
| Naùlingva Etimologia Leksikono (Bastien) | 10,00 |
| Plena Vortaro de Esperanto | 15,00 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 3,00 |

**HISTOIRE DU MOUVEMENT**

| | |
|---|---|
| Le Docteur Espéranto (M. Ziolkowska) broché | 6,50 |
| relié | 13,50 |
| La Esperanto-Movado (Stöp-Bowitz & Isbrucker) | 3,00 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 8,50 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (Waringhien) I & II binditaj, kune | 20,00 |
| Originala Verkaro de Zamenhof, bindita | 18,00 |
| Vivo de Zamenhof (Privat) | 4,50 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (Privat) | 8,50 |

**LITERATURO**

| | |
|---|---|
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre de J.-P. Sartre (Colette Llech-Walter) texte bilingue | 2,00 |
| Angla Antologio (Auld & Rossetti) | 14,00 |
| La Aventuroj de Marteno Drake (G. Norway), bindita | 4,50 |
| La Aventuroj de S-ro Longkrurulo (Uitterdijk) | 2,00 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider & Carlsson) | 1,00 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweig) | 3,30 |
| Colomba (Mérimée) | 1,70 |
| Topaze (M. Pagnol) | 10,00 |
| Reĝo Edipo. Antigona (Sofoklo) | 10,00 |
| Fabiola (Kardinalo Wiseman) 7,50 ; bindita | 12,00 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 3,50 |
| La Ĝoja Podio (R. Schwartz) | 4,50 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne) | 2,50 |
| Infanoj en Torento (St. Engholm) I & II kune | 5,60 |
| Invito al Ĉielo (J.D. Sayers) broŝurita | 4,50 |
| Karlo (Privat) | 1,20 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann) | 3,30 |
| Malsata ŝtono (R. Tagore), bindita | 15,00 |
| Akbar (Brouwer) | 5,50 |
| Kiso de la Reĝino (Naĵivin) | 3,30 |
| Kredu min Sinjorino ! (Rossetti), bindita | 8,50 |
| Miru, Pensu, Ridu (Bennemann), bindita | 9,00 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant), bindita | 17,00 |
| Novaj Esperanto-Historietoj (div. aùtoroj) | 3,50 |
| Princino de Marso (Burroughs) | 1,70 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi) | 3,30 |
| Taglibro de Anne Franck, bindita | 11,50 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Wells) | 1,70 |
| Eroj (M. Boulton) | 12,50 |
| Esperanta Antologio. Poemoj, bindita 21,50, broŝ. | 18,50 |
| La Floroj de l'Malbono (Beaudelaire) | 13,50 |
| Georgo Dandin (Molière) | 3,00 |
| Jozefo (Applebaum) | 5,60 |
| Kontralte (M. Boulton) | 10,00 |
| La Mokindaj Preciozulinoj (Molière) | 1,20 |
| Peer Gynt (Ibsen), bindita | 11,20 |
| La Revizoro (Gogol) | 4,50 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 10,00 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 3,00 |
| Dana Antologio, bindita | 16,50 |
| Quo Vadis (trad. Lydia Zamenhof) | 14,00 |
| Koloroj (J. Baghy) | 4,50 |
| La Marvirineto, bindita | 10,50 |
| Bildlibro pri Bestoj, bindita | 11,50 |

**FILOZOFIO & RELIGIO**

| | |
|---|---|
| Tio, kion mi kredas (J. Rostand-Berlot) | 3,00 |
| Maksimoj de La Rochefoucauld, franca kaj Esperanto kune (Waringhien) | 2,00 |
| La Nova Testamento, bindita | 3,00 |
| Sankta Biblio, bindita | 10,00 |
| La Vivo de Nia Sinjoro Jesuo (Dickens), bindita | 5,00 |

**GEOGRAFIO — VOJAĜADO**

| | |
|---|---|
| Nepalo malfermas la pordon (T. Sekelj) | 15,00 |
| Aùstralio — Lando kaj Popolo | 3,50 |
| Ekspedicio Kon-Tiki (Heyerdahl), bindita | 18,50 |
| Kanako el Kananam (K.-G. Linton) | 11,00 |
| Tempesto super Akonkagvo (T. Sekelj) | 11,00 |
| Pariza Gvidlibro Ilustrita | 3,00 |
| De Parizo al Lazura Marbordo (Rétot) | 1,60 |
| La Bela Subtera Mondo (Leander Tell) | 10,00 |

**ARTO, SCIENCO & TEKNIKO**

| | |
|---|---|
| Retoriko (Lapenna), bindita | 16,50 |
| Atakoj kontraù Ĝardenplantoj (Neergaard) | 15,50 |
| La Vivo de la Plantoj (Neegaard) | 11,50 |
| Sekretoj de la Marestaĵoj | 7,50 |
| Amuzo per Scienco (Vivian), bind. | 6,00 |

**GRAMOFONDISKOJ**

| | |
|---|---|
| Cours d'Espéranto (Ribot) : 6 disques | 40,00 |
| 7 livrets | 45,00 |
| Le cours complet | 80,00 |
| Disque de prononciation | 4,00 |
| Parolado de Lapenna | 8,50 |
| Melodioj (La Espero, Ĉeriz'Tempo, Fontano klara) | 12,00 |
| Diversaj Melodioj (kvarvoĉ), ĉiu | 10,00 |

| | |
|---|---|
| **Livres illustrés pour les jeunes (Série de 10)** | 10,00 |

**Frais d'expédition et de poste :**

20 % jusqu'à 10 NF ; 15 % jusqu'à 20 NF ; et 10 % au-dessus.

Toutes les commandes sont à adresser, avec les fonds, à : Union Espérantiste Française, 34, rue de Chabrol, Paris Xe. C.C.P. 855-35 Paris.

Sablé-sur-Sarthe. — Imprimerie COCONNIER

Le Gérant : J. GUILLAUME.